Jaro 6a. Aprilo 1923. Numero 3a.

Oficiala Organo de la internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA.

# VEGETARANO

Oficiala Organo de la internacia MOVADO POR ĈASTA VIVO.

**Trimonata bulteno. Membra kotizo aŭ abono jare nederl. fl. 2.—**

**Adreso:** Oscar Bünemann, Hamburg-Fuhlsbüttel (Germanujo), Alsterkrugchaussee 586 (redaktanto-kasisto).

Naciaj sekretarioj de V. L. E. kaj kotizoj aŭ abonoj en nacia mono:

Belgujo (F 8.—): kiel Francujo.
Bulgarujo: Unuiĝo de Vegetaranoj Esperantistoj en Bulgarujo, kotizo kun bulteno L 25.—, sekretario Dimitr Simeonov, strato 6 septemvri 1, Sofio.
Ĉeĥoslovakujo (Kĉ 20.—): D-ro Rudolf Hiekel, Mareschgasse 4, II., Leitmeritz.
Danujo (K 3.50): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II., København-K.
Estonujo (Emk. 50.—): F-no Helmi Dresen, postkast 6, Tallinn.
Finlando (Fm. 12.—): S-ro V. J. Kostiainen, Vaasankatu 3 D. 95, Helsinki.
Francujo (F 8.—): F-no Cécile Royer, 14 rue des Carmes, Paris V. Poŝtĉeka konto Paris 25 777.
Germanujo (M 2000): la redakt., Poŝtĉeka konto Hambg. 31883.
Grand-Britujo (ŝ. 4.—): S-no Margaret Blaise, 10 Castle Way, Hanworth near London, Middlesex.
Hispanujo (P 5): S-ro P. Linarès, Huerto San Basilio Córdoba.
Hungarujo (K 200): S-ro Bihari Mór, Népszinház-utca 27, IV./31, Budapest VIII.
Italujo: sendu 10 lirojn en papermono al la redaktanto.
Latvujo (gM 2500): S-ro Talivaldo Indra, pasta kaste 475, Riga.
Litovujo (L 1.50): S-ro P. Medem, Smeliu g. 12, Kaunas.
Nederlando (fl.2): S-no C.J.Roskes-Dirksen, Anemoonstr.96, Hago.
Polujo: sendu 2000 polmarkojn al la redaktanto.
Rumanujo (L 50).—: Esperantocentro Rumana, Alea Suter 19, Bukaresto.
Rusujo (gM 2500): S-ro St. Szabuniewicz, poŝtkesto 663, Moskvo.
Svedujo (K 3.20): S-ro K. A. Karlstén, Hålberg pr. Glommersträsk, Norrland.
Svisujo (F 5): F-no Maria van Rees, Chalet Bertha, Wilderswil.
Usono (Dl. 0.75): S-ro Karl Fröding, 419 Seventh Str., Rockford, Illinois.

El landoj necititaj oni pagu egalvaloron de nederl. fl. 2.— per nacia papermono. Evitu poŝtmandatojn, ĉar ili kaŭzas kurzan perdon. Familianoj de membro, ne postulante apartan bultenon, rajtas pagi duonan kotizon.

Centro por la kotizoj de la Internacia Movado por Ĉasta Vivo: kasistino S-no C. J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat96, Hago, Neder.

## J. W. Sevenhuijsen †

10. Februaro 1923a.

Kun doloro ni memoras, ke antaŭlastan monatan ni perdis karan amikon. La Vegetara Ligo Esperantista funebras pro la morto de sia prezidanto, kaj la Nederlanda Esperantistaro kun malĝojo malhavas en siaj kunvenoj la senlacan entuziasmulon, kiu estis Sevenhuijsen. Ne estas hazarde, ke ambaŭ en la Esperantaj kaj en la Vegetaraj rondoj li ĉiam estis en la unua vico. Al ambaŭ movadoj li estis puŝata de la instigo de sia nobla koro, kiu igis lin kompreni la altajn principojn kaŝitajn en ili. Li estis idealisto en la plej nobla senco de la vorto, kaj pro tio li restos por ni unu el tiuj tro malmultaj ekzemploj, kiuj redonas al ni la kuraĝon post laciga penado kaj instigas nin al novaj klopodoj por la efektivigo de niaj homaranismaj idealoj.

Honorsaluton al la memoro de homo, kiu pli multe meritis, ol nian estimon, kiu sciis certigi al si nian amon! J. Isbr.

## Mutaj petoj.

De Manfred Kyber.

La ŝafaro tute ekscitite kunpremiĝis.

Maljuna ŝafo rakontis.

„Mia avino propraokule ĝin ekvidis", ĝi diris, „estas io mistera, io teruriga. Oni ne scias, kio ĝi estas. Ŝi ankaŭ ne povis vidi ĉion. Ŝi preterpasis, kiam ŝi iris al la paŝtejo. Estis pordego, kiu kondukis en malhelejon. Odoris laŭ sango, je la pordego de la malhelejo. Neniu estis videbla. Sed ŝi aŭdis la ekkrion de ŝafo el la interno, teruran kriadon. Ektremante ŝi forkuris al la ŝafaro."

Ĉiuj frostotremis pro teruro.

„Oni ne scias ion certan", diris la ŝafo, „sed tio devas esti vera. Ĉiuokaze tio estis teruraĵo."

„Via avino ne vivas plu?" demandis juna ŝafo.

„Mi ne scias," diris la ŝafo, „pasis jam sufiĉe da tempo, ke oni forkondukis ŝin."

„Tio estas, laŭdire, la komenciĝo; tiam oni ne plu revenas", diris kelkaj.

La ŝafeja hundo ekbojante forpelis la ŝafaron al alia parto de la paŝtejo.

Tie staris la ŝafisto kaj parolis kun fremda viro, kiu ne aspektis kiel ŝafisto. Ili intermarĉandis. Tiam la fremda viro per firmaj paŝoj alproksimiĝis al la ŝafaro kaj ekzamenis la opajn objektojn per spertaj okuloj. Ne estis la okuloj de ŝafisto. Nun lia mano ekpalpis la junan ŝafon, kiu antaŭe estis demandinta. La besto frostotremis. La mantuŝo kaŭzis tute alian senton ol tiu de la ŝafisto. Nun oni ligis la ŝafon per ŝnuro je la kolo.

„Ĝin mi prenas", diris la fremda viro kaj tiris malpuran monujon el la poŝo. Li pagis. La vivanta estaĵo apartenis al li. Li estis aĉetinta ĝin.

Li ekkaptis la ŝnuron kaj trentiris la ŝafon for de la paŝtejo sur la vojon. La ŝafaro postrigardis la foriranton tute timigite kaj senkomprene. La ŝafo turnis la kapon. Ĝiaj okuloj serĉis la parencojn kaj kunulojn. Io en ĝi konvulsiiĝis — io en ĝi vokis, ke ĝi liberiĝu kaj rekuru.

„Tio estas la komenciĝo; oni estas forkondukata", ĝi pensis.

Sed ĝi ne kontraŭstaris. Ĝi estas senhelpa. Estis ja senutile.

„Kial do tuj pensi pri tiu terurajo?" ĝi konsoliĝis, „ekzistas ankoraŭ aliaj paŝtejoj. Eble mi estas kondukata tien."

Estis la konfido de la bestoj malsovaĝigitaj.

Nun la vojo kurbiĝis. La ŝafaro ne estis plu videbla. La paŝtejo malaperis. Nur de malproksime oni aŭdis la bojadon de la ŝafeja hundo kaj la sonojn de la ŝafista fajfilo. La vento disblovis ilin.

Estis longa vojo. La fremda viro marŝis rapide. Li urĝis.

„Mi estas laca, mi ŝatus iom ripozi", petis la ŝafo.

Estis muta peto.

Ili daŭrigis marŝi. Estis varmege kaj polve.

„Mi petas iom da akvo", diris la ŝafo.

Estas muta peto.

Fine ili venis en malgrandan urbon. Ili trairis mallarĝajn kurbajn stratojn, en kiuj oni ne vidis paŝtejojn. Do, tiu espero ne plenumiĝis.

Ili ekhaltis antaŭ pordego, kiu kondukis en malhelejon. La besto eksentis malagrablan aeron. Ĝi turnis la kapon kaj blekis tutmizere. Ĝi ektimis pro la malpura aero kaj pro la malhela eniro. Timego ekkaptis ĝin, subkonscie, terura timego.

„Mi ŝatus iri hejmen", diris la ŝafo kaj alrigardis la fremdan viron.

Estis muta peto.

Mutaj petoj ne estas aŭskultataj.

La viro ligis per lerta ekkapto la ŝnuron je la malantaŭaj kruroj de la besto kaj trenis ĝin antaŭen. La ŝnuro dolorigis.

„Jes, jes, mi jam venas", diris la ŝafo ektimigite. La lacaj rigidaj kruroj ekrapidis.

Estis nur kelkaj momentoj, sed ili ŝajnis tiom longaj. Tiam ĝi troviĝis en malhelejo. Odoris sufokige laŭ sango kaj forjetaĵoj — laŭ kadavroj de ĝia propra speco.

Oni ne opinias peninde antaŭe forigi ĉion. Estas ja nur bruto — — bruto buĉota.

La ŝafon ekkaptis mizera, paraliza terurego. Terurego, kiu forgesigis ĉiujn antaŭajn mutajn petojn. Terurego, kiu superis ĉion.

La ŝafo tremis tutkorpe.

„Nun venas la mistero — la teruraĵo", ĝi pensis. Kaj la teruraĵo venis.

— — — — — —

La mondo estas plena je mutaj petoj, kiuj ne estas aŭskultataj. Estas homoj, kiuj ne aŭskultas ilin. Ŝajnas neeble, komputi tiujn mutajn petojn. Sennombraj ili estas. Sed tamen ili estas komputataj. Ili estas enregistrataj en la Libro de l'Vivo.

Kaj kun admona demando la okuloj de l'Gaŭtamo Budho rigardas la eŭropan kulturon.

El germana lingvo tradukis El. B.

---

**Kion sciencistoj opinias pri vegetarismo.**

Moto : Dio diris: „Jen vidu, mi donis al vi ĉiaspecajn herbaĵojn multobliĝantajn per semo sur la tuta tero kaj ĉiaspecajn fruktodonajn arbojn, por via nutriĝo." 1.Mozeo 1, 29.

La vorto VEGETARISMO estas derivita el la latina vorto „vegetus", kiu signifas: vigla, vivema, sana. Vegetaranoj oni nomis komence la anojn de la „Vegetarana Societo" fondita en Londono en la jaro 1847a. Aludante al la biblio, al filozofoj kaj al naturesploristoj kaj akcentante la etikajn vidpunktojn, la vegetaranoj insistas, ke la besta aŭ vianda nutraĵo estas nedeca, kontraŭnatura kaj malutila por homo.

En sia konata libro „Fundamento de Esperanto" D-ro Zamenhof skribas: „Ni vidas, ke ĉe ĉiu viva estaĵo, de la plej malgranda fungo ĝis la plej disvolvita besto laktosuĉanta, la partoj de la korpo, kiuj estas difinitaj por la nutro, estas tute precize arranĝitaj por la prilaborado de la respondaj manĝaĵoj: la dentoj, stomako, intestaro de la viandomanĝanta leono estas esence malegalaj je la samaj organoj de la kreskaĵmanĝanta elefanto, de la ĉionmanĝanta urso aŭ de la insektmanĝantaj birdoj. Ne povas esti alie ankaŭ kun la homo, kiu laŭ aranĝo de sia korpo havas la plej grandan similecon kun la fruktmanĝanta simio kaj sekve jam laŭ sia deveno devus ankaŭ esti fruktmanĝanto. Ni vidas tamen, ke la nuntempa kultura homo kontraŭe nur en esceptaj okazoj vivas per fruktoj kaj ordinare uzas manĝon miksitan, konsistantan el viando kaj kreskaĵoj, kaj tamen povas vivi kaj ĝis certa grado esti sana.

Sed tio ĉi montras nur, ke la naturo zorgis pri tio, ke ne tuj pereu ĉiu ekzistaĵo, kiu vivas ne precize laŭ ĝiaj reguloj. Sed difekto longe ne povas forresti, kaj la ĉiam pligrandiĝanta malsanemeco kaj korpa degenerado de nia gento, kiu parte certe dependas ankaŭ de aliaj malĝustaj vivkondiĉoj, montras kun timiga klareco, ke la miksita manĝo ne povas esti la ĝusta. Kio do estas pli proksima, ol la reiro al la maniero de vivado dezirita de la naturo, t. e. la vegetarismo?

Preskaŭ ĉiuj buĉataj bestoj estas malsanaj; la grasigado estas bazita sur agado malsaniga (manko de sango kaj grasa degenero), kaj sekve la viando preskaŭ ĉiam estas malsana kaj malbonigita. Krom tio jam komenciĝas ĝia putrado, kiam la vivo forlasis la korpon. La homa kulturo sekve efektive nutras sin per mortintaĵo. Dume la manĝaĵo de vegetarano estas ankoraŭ plena je vivo. Se oni fruktojn kaj grenojn elmetas al respondaj influoj, tiam nova vivo naskiĝas el ili. Kaj al mi ŝajnas, ke por la konservado de nia vivo plej bone taŭgas nur tia manĝo, en kiu ne mortis ankoraŭ la ĝermo de vivo. Nur tiam, kiam fruktoj kaj greno fariĝas putraj, ili troviĝas en tia stato, en kia la viando troviĝas jam tuj post la buĉo! Ĉu estas tial mirinde, ke la gazetoj konstante alportas sciigojn pri veneniĝo per viando, kiu sekvigas aŭ gravajn malsanojn aŭ la morton? Kontraŭe, ĉe manĝo kreskaĵa tiu ĉi danĝero estas preskaŭ absolute esceptita, kaj se nur la ceteraj kondiĉoj de la vivo estas iom konformaj al la naturo, la vegetarano ĝuas pli bonan sanon, ne estas tiom forte elmetita al malsanoj aŭ elportas ilin multe pli bone ol la viandmanĝanto. Nemezurebla estus la rekompenco, se manĝo kreskaĵa okupus la lokon de viando."

Kaj la plej novaj statistikaj informoj montras, ke, kvankam ni per diversaj rimedoj de civilizo kaj scienco povis malplioftigi la mortadon pro tielnomataj infektaj malsanoj, la mortado per la iom post iom malfortigantaj malsanoj, kiel kancero, reŭmatismo, renmalsano k. t. p., timige plioftiĝadas en regionoj, kie oni manĝas multe da viando, kiel ekzemple en Nordameriko kaj Anglujo.

En sia libro „La saneco, dieto kaj manĝo de homo" fama angla kuracisto Haig (legu hejg) pruvas, kiel la viandonutraĵo kun la trinkaĵoj kiel teo, kafo kaj kakao estas pereige influanta sur la sanstaton de tutaj nacioj, estigante tutan serion da fizikaj malsanoj, kiel epilepsio, nerv- kaj spiritmalsanoj, astmo, digestaj malordoj, malforteco de sango, renmalsano, diabeto, artrito, reŭmatismo, kormalsano k. t. p., kaj krom tio mal-

fortigas la moralan forton kaj la spiritajn kapablojn de individuoj kaj tutaj nacioj.

La kontraŭuloj de vegetarismo asertas, ke la homo nepre bezonas minimume 118 gramojn da albumeno, por povi bone ekzisti. La eksperimentoj de scienculoj, kiel prof. Chittenden kaj Fisher, D-roj Hindhede, Caspari, Glaessner, Jaffa, Joteyko, Sivén k.t.p., tamen montras, ke 30 ĝis 60 gramoj estas tute sufiĉa kvanto. Fina kuracisto Levander skribas en „Terveydenhoitolehti" (Revuo por saneeprizorgo) en 1908: „Se 30 aŭ 60 gramoj da albumeno ricevita el kreskaĵaro sufiĉas, tiam ne estas mirinde, ke digestante en kaj elkondukante el la intestaro 120 ĝis 150 gramojn oni perdas forton; ĉar el la troa kvanto restas ĉiam multe da skoriaĵo, kiun la hepato kaj renoj devas dispecigi kaj elkonduki el la korpo. Sed se tio estas nebezona kaj neutila, tiam tio povas esti ankaŭ malutila; ĉar pro la multa laboro la organismo laceğiĝas. Tiu ĉi forto, bezonata por la elkonduko de troa nutraĵo, devas de ie veni, kaj tio klarigas ankaŭ nian lacecon post la sufiĉa viandomanĝado. Sed krom tio disiras el la viando venenaj aĵoj, nome karbonika acidhava amoniako kaj karbominacido, kiujn la hepato devas forigi, por ke ili ne enkondukiĝu en la sangcirkulon.

Aliaj substancoj ree, kiel purinaĵoj, alkondukiĝas en la sangon. La renoj devas elpeli ilin. Ĉiam plie disvastiĝas la opinio, ke multaj nervmalsanoj, doloroj en la hepato, sub la koro, en la renoj, kapdoloro, internita sendormeco kaj malĝojeco aŭ ĝenerale la nerva malforto kaj nervemiĝo estas nur malordoj aŭ „sangveneniĝoj" kaŭzitaj de superflua viandmanĝado", diras D-ro Levander daŭrigante. „La nombro kaj veneneco de bakterioj en la intestaro pliiĝas per viandmanĝado. Tion pruvas la spertoj akiritaj ĉe malsanulaj litoj. Se, ekzemple, oni dum tempo de apendicito donas buljonon al la paciento, la febro altiĝas; sed se li prenas laktomanĝon, tiam ĝi iom post iom malaltiĝas. Same oni flegas ĉiujn aliajn peritoneajn inflamojn (brulumojn) per laktomanĝo. Ankoraŭ montras la spertoj akiritaj sur la militkampo, ke la vundoj de kugloj en la intestaro povas resaniĝi multe pli facile, kiam la intestaro estas malplena, ol post multa manĝado. Ni flegas nenian stomakan malsanon per viandmanĝoj; ĉar la sperto pruvas ilian malhelpemon. Tial estas ankaŭ laktomanĝoj kaj kreskaĵmanĝoj la efektivaj manĝoj de malsanuloj. Ili enhavas pli malmulte da albumeno ol viando, sed tamen sufiĉe, t. e. tiom kiom la korpo bezonas."

Eksprofesoro de higieno ĉe la universitato de Helsinko, Max Okerblom, skribas en sia verko „Higieno" (paĝo 50a): „Aliaj vegetaranoj rimarkis, ke fariĝas malfacile, eĉ neeble, .aranĝi kontentigan dieton,se oni tute volas eviti la produktojn de brutaro, kaj permesas tial manĝon de lakto, butero, fromaĝo kaj ovoj. Malpermesata estus tiaokaze nur la uzo de viando. Kontraŭ ĉi tiel aranĝita vegetarismo la scienco havas nenion por rimarkigi; ĉar per ovoj, lakto kaj aliaj buterfarejaj porduktoj ni ricevas sufiĉege kaj da albumeno kaj da graso, tiel ke la korpo povas facile kontentigi siajn bezonojn."

Plue estas bone sciate, ke en la lastaj jardekoj multaj kuracistoj kaj scienculoj mem fariĝis fervoraj vegetaranoj kaj propagandistoj de vegetarismo en Francujo, Belgujo k. c. Multaj iniciatintoj de religioj, kiel Zoroastro, Budho, Swedenborg k. t. p. estis vegetaranoj, same famaj filozofoj kaj historiaj eminentuloj, kiel Platono, Sokrato, Benjamin Franklin, Newton, Rousseau, Linné, Tolstoj k. t. p. Se oni legas medicinajn kaj higienajn ĵurnalojn, oni ekvidas, ke la kuracistoj nun ĉiam plie rekomendas vegetarismon.

(Sekvos „Sciencaj eksperimentoj kun vegetaranoj"; daŭrigota.)

Verkis kaj al S-no Anna Kurimo
dediĉis Hugo Salokannel.

---

**Skizeto pri vegetarismo.**

Pitagoro, la patro de la vegetarismo kaj eminenta filozofo, naskiĝis en la jaro 569a antaŭ nia tempkalkulo. Jam en tiom frua tempo li trovis rilatojn inter vegetarismo kaj filozofio, kaj ju plie li penadis, por atingi klarecon pri la misteroj, kiuj okupis lian penson, des plie li certiĝis pri la neceseco sin deteni de ĉiu ajn stimulilo kaj kadavra nutraĵo. Li do konsilis al ĉiu pensanta homo nuran vivtenon per freŝaj bonaj fruktoj. La profundaj meditoj de Pitagoro unuigis filozofion, religion kaj nutrosistemon. Li edukis siajn samtempanojn al etiko per nutraĵo, kaj tial ankaŭ nia movado estas ofte nomata la pitagora vivsaĝeco.

Kompare kun tiu saĝulo, niaj nunaj scienculoj, kuracistoj kaj verkistoj tro malvarme rilatas al nia celado, kvankam iom pli da fervoro igus ilin kapablaj, fari al la homaro la plej efikan kaj mirindan helpon. Ĉar jam delonge la homaro sopiras, ke post tagiĝo sekvu tago. Mankas al la homoj ankoraŭ la potenco por fari sian vivon pli utila por si kaj la aliaj homoj. Lasataj al si mem, ili certe iras de ĉarmo al malĉarmo, de sano al malsano, de sobreco al ebrieco, de virto al malvirto kaj tagon post tago al pli mizera estado, kvankam la malo estas nia devo. Laŭ mia opinio grandparto de tiu ĉi bedaŭrinda fakto dependas de la nunaj malsaĝaj vivkutimoj, kiujn la homaro ne volas forlasi kaj kiuj devigas nin al tro multaj senutilaj okupiĝoj. Tiu okupiĝo nin detenas de bona kaj profunda pensado, kiu certe kondukus nin al pli favora stato.

En la civilizitaj landoj precipe la virinoj estas tro multe ŝarĝataj per manĝaĵaj okupoj. Senĉese ĉiutage ili ree kaj ree kuiras manĝaĵon, lavas telerojn, purigas manĝilarojn. Ili eĉ pro tiu manĝaja kulto kapablas forpreni aŭ (helpi forpreni) la vivon de subinetitaj estaĵoj, kvankam al la homoj estas ordonite, ĉerpi siajn bezonaĵojn senpere el la mano de la naturo, kiu kunigas en siaj donoj sunan lumon kaj terajn trezorojn sen iu ajn difektiĝo al la korpo, sento aŭ konsienco.

K. A. Karlstén.

---

**Moraleco kaj Hipokriteco.**

Dediĉita al V. B.

Infano lernas la signifon de vortoj per aldono kaj forĵeto. Unue, ĝi tro multon aŭ tro malmulton enkalkulas en koncepto; ĝi do devas eksigi kaj aldoni, ĝis kiam fine ĉiu vorto havas ĝustan ideon. Tiel la plenaĝulo lernas pri moralaj ideoj.

Pri moraleco oni unue ricevas ideon el naciaj moroj; poste oni vidas, ke la ideoj de praavoj, alinacianoj aŭ alirasanoj malsimilas al niaj, kaj el tio konstatas, ke moraleco estas relativa afero, ŝanĝiĝante laŭ diversaj nacioj kaj en epokoj de sama nacio.

Kio estas moraleco? Ĉu ne la sumo de akceptitaj kutimoj? Ĝis la komenco de la 19a jarcento ebrieco estis ordinara afero en ĉiu socia rango en Anglujo.

„Ebria kiel lordo" estis ordinara priskribo. Interesaj citajoj el taglibro de Thomas Turner, drapvendisto en Sussex, Anglujo, en 18a jarcento, montras la oftecon de tiu kutimo. Li estis, laŭ la taglibro, religia homo, kiu studis seriozan literaturon; sed jen enskriboj: La 21an de aprilo 1756a: „Iris al lupagkontrolo kaj revenis ebria". La 25an de novembro 1756a: „La subpastro venis en mian butikon, . . . kaj restis ĝis kiam li ebriiĝis, kaj por kontentigi lin, mi partoprenis, ĝis kiam mi tute ebriiĝis". Pri festo li diris, ke „15 personoj ĉeestis, inter ili la paroĥestro s-ro Porter kaj lia edzino. Post la vespermanĝo ili trinkis tiom rapide, kiom ili povis engluti. Ĉirkaŭ la 3a matene s-ro Porter sukcesis hejmeniri senfale, kaj lian edzinon oni portis hejmen post du horoj". Alian fojon li ricevis inviton al festo kaj diskutas ĝin en la taglibro jene: „Se mi iros, mi devos trinki tiom, kiom plaĉas al ili; alie ili nomos min kompatinda ekscentrulo. Se mi restos hejme, ili opinios, ke mi estas malriĉa, fiera aŭ maliculo." Li iris al la kunveno kaj poste enskribis: „Antaŭ ol mi foriris, ne estis unu neebria persono tie".

En la bone konata romano de Fielding „Tom Jones", publikigita en 1799, similaj okazintaĵoj estas priskribitaj.

D-ro Samuel Johnson en sia libro „Vizito al la la Hebridoj" (1775) diras: „Mi memoras, kiam ĉiu respektinda loĝanto en Lichfield ebriiĝis ĉiunokte; sed neniu pro tio malestimis lin".

Samtempe la uzo de nedecaj vortoj kaj blasfemado estis ĉiutaga kutimo; la neklerulo emis „blasfemi kiel lordo". Je la 18a jarcento popola opinio malpermesis tion al sinjorinoj; sed en la epoko de Shakespeare (1564—1616) ne estis tiel. Hotspur en dramo de Henriko IVa diras al sia edzino:

> Blasfemu laŭ la sinjorina modo
> viglan, plenbuŝan blasfemadon. „Vere",
> kaj tiajn protestvortojn spicitkukajn
> lasu al civitanoj dimanĉe promenantaj.

Philip Stubbs, en „Vintra Spegulo" (1626), citis inter la notindaj ecoj de sia mortinta edzino Katharine, ke „ neniam nedeca, malvirta, nepura vorto aŭdiĝis el ŝia buŝo; neniam ŝi malbenis aŭ blasfemis". Ĉu li tiel skribus, se blasfemado kaj nedeca parolado ne estis virina kutimo? En „Pamela" de Samuel Richardson kaj „Evelina" de Fanny Burney, verkoj de 18a kaj frua 19a jarcentoj, troviĝas atestoj pri tia konduto de altrangaj, edukitaj viroj kontraŭ virinoj, kian oni ne tolerus nun. Sinjoro tiom malnoble kondutanta nuntempe estus forpelata el societa vivo.

Eble oni diros, ke la homa koro ne ŝanĝiĝas, ke oni sekvas tiajn naturajn instinktojn sekrete anstataŭ malkaŝe, ke oni hipokritaș kaj ŝajnigas sin tia, kia oni ne estas. Kio estas hipokriteco? Ĉiu kondamnas ĝin; sed ĉu ĝi estas vere kondamninda? Estas dirite, ke la hipokriteco estas la respekta tributo pagata al virto, de malvirto. Ĝi montras antaŭenpaŝon al pli alta morala nivelo; ĉar la neceseco kaŝi malaltajn instinktojn, por esti akceptata en societa rondo, signifas, ke la ĝenerala nivelo de moraleco plialtiĝis kaj tiu, kiu ne posedas la virtojn postulatajn de la socia opinio, devas kaŝi siajn malvirtojn, pretekstante, ke li estas morala ĝis tia grado. Se li deziras trinki, ĝis kiam li ne povas plu sin regi, li jam ne fanfaronas, ke li kapablas trinki, per unu fojo, tri botelojn da portvino; li ne proklamas, ke li similas al la gastoj de Circe. Ne, li hontas kaj deziras, ke neniu sciu pri lia kulpo, kaj (se li alte taksas sian reputacion) li gardas sin kontraŭ ripeta ofendo.

Dum la milito, parlamentano, kiu parolis laŭ la ideo, ke soldatoj forigitaj de la hejmoj ne povas vivi ĉaste, elvokis tian grandan kontraŭstaron, ne nur en Anglujo, sed ankaŭ en la kolonioj, ke sendube li surprize konstatis, ke la postulata morala vivnormo estas pli alta, ol li supozis.

Se generacio devas preteksti al virtoj, kiujn ĝi ne posedas, ĝi silentas pri la malvirtoj malpermesataj de popola opinio, kaj nova generacio jam kreskas en pli pura morala ĉirkaŭaĵo. Tiamaniere pli ideala vivnormo akceptiĝas.

Nuntempe oni vidas la saman proceduron rilate al militado. La ĉefaj herooj de la pasintaj epokoj estis batalantoj, militistoj, perfortaj venkistoj. Ili batalis pro krudaj motivoj, por forpreni ion de aliaj. Ĉiu kiu emis batali, iris volonte; ĉar ili povis riĉiĝi, prenante al si ion ajn, kion ili povis forrabi de aliaj.

Poste, kiam milito ne estis tiom alloga, la armeo konsistis el nelaboremuloj, sentaŭguloj, intermiksitaj kun viglaj kuraĝuloj, kiuj malestimis la pacan, monotonan vivon kaj ne pripensis la kaŭzon de milito. Homoj edukadiĝis, pensis, demandis, kial ili devas militi. En la dramo de Henriko Va, jus antaŭ la batalo de Agincourt, Michael Williams, soldato, diras: „Se la kaŭzo (de milito) ne estas bona, la reĝo estos grave akuzata, kiam ĉies kruroj, brakoj kaj kapoj, fortranĉitaj en batalo, rekuniĝos en la lasta tago, kaj ili krios: Ni mortis en tia aŭ tia loko, kelkaj blasfemantaj, kelkaj kriantaj por kuracisto, aliaj pri edzinoj postlasitaj malriĉaj, kelkaj pri siaj ŝuldoj, aliaj pri siaj infanoj sen protekto".

Nova instigilo devis esti serĉata. Oni asertis, ke la nacio estis insultata aŭ ofendita, ke la nacia fiero estis vundita aŭ la patrujo estas en danĝero. Tiam malegoiste junaj entuziasmuloj rapidis al la standardo por la defendo de sia propra lando. Tamen, pli kaj pli, pensemuloj pripensis militon kaj demandis, kion gajnas nacio per tiuj periodaj buĉadoj de la plej belaj, sanaj, vivindaj junuloj? Ĉu nacio ne multe perdas pro la mortigo de homoj plej taŭgaj ĝin daŭrigi?

Tiuj demandoj disvastiĝis, ĝis kiam fine estis necese, ke la instigantoj anoncu: „Militado devas ĉesiĝi; fina milito por ĉesigi militadon devas okazi"! Efektiviĝis plia stadio en homa moraleco, kiam la plej batalemaj nacioj devas hipokriti por havigi pravigan pretekston. Sed eĉ tio ne sukcesis trompi ĉiun. Kelkaj rifuzis militi kaj preferis malliberejon, malgloron kaj malestimon. La semo de nova ideo pri justeco kaj moraleco ekviviĝis kiel Ligo de Nacioj, kiu havas en si la ĝermon de arbitracio anstataŭ militado kaj perforto.

Kiel la morala normo ŝanĝiĝas? Ĉu per edukado aŭ kresko de inteligenteco? La plej inteligentaj nacioj ne ĉiam estas la plej moralaj; plej granda inteligenteco kaj edukado povus esti malbenoj, se la emocioj, kiuj estras ilin, ne estas altaj.

La militkontraŭstarantoj konsistis el tri specoj: unue tiuj, kiuj posedante nenion, rifuzis perdi la vivon, por savi la posedaĵon de aliaj; due tiuj, kiuj opiniis, ke milito estas stulta anakronismo kaj ne profitdona al la plimulto; trie la veraj „konsciencemuloj", kiuj rifuzis forpreni la vivon de iu ajn, homo aŭ besto. Ĉiu homo, kiu amas siajn kunhomojn kaj preferas suferi pli ol malutili ilin, helpas ŝanĝi la moralan normon;

ĉar pli alta nivelo de moraleco evoluos nur, kiam ĉiu homo ĉesos serĉi sian propran plezuron, ĝuon kaj profiton, amante sian kunhomon kiel sin mem. Estas do la devo de ĉiuj gepatroj kaj edukistoj, eduki la senton de la junaj homoj tiel, ke la intelegenteco estu sub la regado de homama emocio. Tre emfaze la apostolo Paŭlo elmontris, ke scio kaj kono valoras nenion kompare kun la plej granda emocio, la amo: amo ne egoista por unu sola persono, familio aŭ nacio, sed tutmonda, ĉiunkunprenanta Amo.

Emma L. Osmond.

---

**Kontraŭmilitarismo kaj Perforto.**

(Polemika artikolo de Clara Meijer - Wichmann, la mortinta edzino de nia samcelano Meijer en Bilthoven, Nederlando. Resumigita.)

Certe, neniu principo povas esti plenumata ĝis la plej ekstremaj konsekvencoj: nek vegetarismo, nek libera edukado, nek senperforteco. Sed, ĉu pro tiu neebleco ni, en la praktika vivo, devus forlasi ĉiun ajn provon de laŭprincipa vivado, aŭ ĉu kontraŭe ni rekonu novtrovitan principon, por ekvidi baldaŭ, ke ĉiu provo laŭ tiu ĉi direkto kreskigas nian forton? La ĝenerala kutimdiro estas: Mi ne fariĝos vegetarano; ĉar tiam mi severdire ankaŭ kreskaĵon ne devus mortigi. Mi ne alcelos senperfortecon; ĉar, kiam mi vidas, ke infano estas mortigata, mi uzas perforton, por tion malhelpi.

Tiu ĉi kutimdiro estas tre simpla. Se oni ĉiam estus aginta laŭ ĝi, la homaro neniam estus progresinta eĉ malgrandan paŝon. Ĝi povas progresi nur tiom longe, kiom ekzistas „malsaĝuloj", kiuj opinias agi bone, se ili vivas laŭ siaj principoj almenaŭ tiom, kiom tio estas ebla al ili. Kaj la „ekstrema konsekvenco" de la citita ĝenerala opinio estus: ke la homoj por ĉiam restus kanibaloj (hommanĝantoj) pro tio, ke ili ja ne konsekvence povas plenumi la principon de ne-mortigo.

Per tiaj kutimdiroj pri la ekstremaj konsekvencoj oni vualigas la esencan demandon, kaj tia oportunismo estsa danĝera. Se ni priparolas la demandon de la senperforteco, ne temas pri tio, ĉu en ekstrema okazo kontraŭ tigro aŭ infanmortiganto ni uzu perforton, sed pri tio, ĉu la perforto povas esti konstanta faktoro en nia propagando kaj niaj batalmetodoj.

En la diroj de kontraŭuloj mankas al mi jena konscio: ke ekzistas io alia ol la nura elekto inter aprobo de la perforto unuflanke kaj la plena senperforteco de iu Budho aliflanke; mankas la konscio, ke la senperforteco same kiel ĉiuj aliaj fortoj devas pograde evolui kaj parte jam evoluis. Jam forpasis almenaŭ tiu epoko, dum kiu ĉiu ajn opinia diferenco tuj per perforto estis finata, dum kiu ĉiu ajn homa rilato, eĉ tiu inter geedzoj kaj inter gepatroj kaj infanoj, bazis sur aŭtoritato kaj perforto.

Sur tiu ĉi vojo ni devas daŭrigi nian iradon, „ĉar ankoraŭ ni ne atingis plenan senperfortecon", kaj ĉiu, kiu nun denove predikas perforton, agas — almenaŭ laŭ tiu ĉi rilato — reakcie kaj malhelpas la evoluon. Rigardante tiamaniere la aferon, ĉiuj tuj ekvidas, ke ni konas la perforton kiel historian faktoron, ke ni scias, ke dum la historiaj tempoj multaj rilate bonaj faroj okazis sekve de perforto, eĉ ke multfoje nobla kuraĝo estis ligita kun perforto. Sed ni ne bezonas resti ĉiam sur la sama ŝtupo! Ni devas evolui kaj progresi. Ni ne volas anstataŭigi tiun malnovan brutecan heroecon per ia universala sentimentalismo kaj indiferenteco, sed per nova heroeco kiu en la komenco devas venki multe pli da malhelpoj ol la malnova. Ĉar niaj malnovaj instinktoj emas defendi per perforto la aferon, al kiu ni servas, kaj ni bezonas kuraĝon, por resti fidelaj al la konscio, ke per perforto ni malbone defendas ĝin.

La problemo ne estas simpla facila elekto inter la eblecoj: aŭ realigi sanktan celon per ĉ i u j ajn rimedoj aŭ rezigni je ĝi. Konstruo de tia elektodecido ne korespondas al la faktoj. Kiu uzas malbonajn aŭ malhonestajn rimedojn, perfidas per ili sian sanktan celon. Ĉio havas siajn konsekvencojn, ankaŭ la perforto. Ĝi denove provokas perforton.

Efektive, en la praktika vivo oni ne trovas sur unu flanko nur ĉiujn fortojn de la lumo kaj sur la alia flanko nur tiujn de la malhelo. Oni diras al mi: „Se nun popolo sin liberigas kaj konstruas novan mondon, mondon de la paco, kie ne ekzistas plu armiloj, sed nur amo kaj saĝo; kaj se nun potencoj reakciaj kun armiloj en la manoj invadas tiun ĉi mondon, . . . ĉu tiam ne ankaŭ ni devas preni la armilojn?" Tia, tamen, tute ne estas la situacio reala. Ankaŭ en ni estas elementoj malhelaj, reakciaj, kaj predikante la militon per armiloj, oni liberigas tiujn ĉi tendencojn de perforto en ni mem. Se dum tutaj jaroj oni edukas homojn por aŭ en la ruĝa armeo, oni edukas en ili instinktojn fortiĝantajn, kiuj faras ilin maltaŭgaj por kamarada komunvivado. (La praveco de tiu ĉi aserto estas pruvita per raporto de Georgo Popov pri la ruĝa armeo, raporto aprobita de la komunistoj. Ĝi diras: „Kontraste kun la unuaj revoluciaj jaroj hodiaŭ denove regas en la ruĝa armeo f e r a disciplino. La ruĝa armeo hodiaŭ, pli ol iu ajn alia armeo en la mondo, estas preta por sekvi Trocki'n aŭ iun bolŝevikan gvidanton ien ajn, ĝis la fino de l'mondo. La rusa soldato iras tien, kien li estas ordone sendata, al Pekino aŭ Parizo. Estas tute egale al li. Li iras: blinda, muta, obeema." Tia estas do, post kvinjara tielmonata revolucia edukado pere de bolŝevismo, la intelekto de la rusa proletario en la ruĝa armeo! Tien kondukas la revolucia militarismo de la proletaria diktatoreco!). Tiam la idealo denove malproksimiĝas kaj fariĝas neatingebla ĝuste pro tio, ke la homoj ne kuraĝas rifuzi la rimedon de perforto.

Se efektive sur la revolucia flanko estus ekskluzive la fortoj de lumo, amo kaj saĝo, tiam la afero estus simpla. Tiam ni tute ne uzus armilojn, ĉar ni ne volas uzi ilin kaj pro tio, ke aliaj batalmetodoj estas je nia dispono kaj estus uzataj de ni. Ĉar la batalo estas eterna en la mondo, kaj sen batalo ne estas evoluo; sed la batalo povas esti nobligata. Estas ĉiam signo de nekapablo, de nematureco, se ni kredas bezoni devigon, perforton kaj punon. Se iu ne povas eduki siajn infanojn sen perforto, la kulpon povas havi parte la infanoj, sed certe parton de la kulpo havas la edukanto. Estas ĉiam nia propra difekto (eĉ en la okazo de la infanmortiganto), se ni ne scias plu alian rimedon ol la perforton. Ĝenerale tio krome signifas, ke ekstera venko (do interna malvenko) al ni ŝajnas pli grava ol la interna sukceso.

Oni ofte vidas nur du eblecojn: sendefendeco kaj perforto. Sed, ĉu ni ne delonge jam forlasis la sendefendan staton kaj ekutiligis la intelektajn defendilojn? Cetere ni ne parolas pri permeso kaj malpermeso. Ni ne faras el la senperforteco novan dogmon. Ĝi devas esti la sekvo de interna ekscitiĝo, evoluo aŭ

anima stato. Alimaniere ankaŭ la senperforteco fariĝus nur sonanta metalo sen animo.

Estas jam ĝojiga fakto, ke por ni ĉiuj la principo de senperforteco jam estas problemo. Tio montras, ke almenaŭ inter multaj revoluciuloj (ekster la revolucianaro la demando ankoraŭ apenaŭ naskiĝis) la socia konscienco fariĝis pli delikata. Tio ĉi rilatas same al tiuj, kiuj parolas pro, kiel al tiuj, kiuj parolas kontraŭ la perforto; por ĉiuj la afero fariĝis jam problemo, kaj ĉiuj havas jam deziron, forlasi la principon de perforto. Por la antaŭaj generacioj kaj por la plejmulto el la nuna la perforto ankoraŭ estas io nediskuteble necesa.

Estas dezirinde, vidi almenaŭ jenon:

1) Povas esti (sed ne ĉiam estas) pli bone, uzi perforton kontraŭ malbono ol fari nenion kontraŭ ĝi; sed ĉiuokaze estas pli bone, venki la malbonon alimaniere.

2) Perforto provokas perforton.

3) Senperforteco ne estas dronado senrezista en la malnovaj elementoj, sed rezisto per aliaj rimedoj ol tiuj de la perforto.

4) Oni ne povas esti kontraŭmilitisto nur sub la kapitalismo; sed oni devas vidi la nedisigeblan interligitecon de rimedo kaj celo. Se ni scias, ke ni malnobligas niajn idealojn, defendante ilin per malnoblaj rimedoj, ni progresos sur tiu ĉi vojo kaj provos fariĝi definitive kaj por ĉiam kontraŭmilitaristoj.

El „Erkenntnis und Befreiung", eldonanto Rudolf Groszmann, Klosterneuburg bei Wien (Vieno), Aŭstrujo.

---

### Diro de Bernard Shaw.

La „prudenta" homo adaptiĝas al la mondo; la „neprudentulo" insistas je la provo, adapti la mondon al si. Tial ĉiu progreso dependas de la „neprudenta" homo.

---

### La „neŭtrala" aviado.

Kiam aperis la unuaj informoj pri sukcesaj flugeksperimentoj de homoj, multaj naivuloj (inter kiuj ankaŭ la skribanto de tiuj ĉi pripensoj) kredis, ke komenciĝos nova epoko, ke la homo preteriluganta la limojn ne plu submetiĝos al la baroj de naciismo kaj doganaj ĉikanoj. La perspektivo kreita de tiu ĉi sukceso estis grandioza.

Nun ni bedaŭrinde spertis, ke tiu ĉi triumfo de homa cerbo kaj energio ricevis plej grandan antaŭenpuŝon dum la milito kaj preskaŭ ekskluzive servas al la mortiga industrio. Kompare je la nombro da flugmaŝinoj posedataj de la militaj aŭtoritatoj en ĉiuj „civilizitaj" landoj la nombro da flugmaŝinoj uzataj por poŝtaj servoj (eĉ tiam plej ofte kun militistoj kiel aranĝantoj) estas mizere malgranda, kaj eĉ pli malgranda estas la nombro da maŝinoj posedataj de privatuloj. Krom tio, kiel ĉiu triumfo de la tekniko: rektaj rapidvagonaroj, komfortaj vaporŝipoj, telefono k. t. p., ankaŭ la flugmaŝinoj estas nur je la dispono de plej riĉaj klasoj, dum kiam la granda publiko nur admire rigardas ilin aŭ legas pri ili.

Tio estas natura sekvo de nia socia strukturo, kies simbolsigno estas la kanono kaj kies temploj estas la grandaj bankoj. Multaj estas tiuj, kiuj ribelas kontraŭ tiu ĉi stato: kelkaj per politika propagando, kelkaj per batalado kontraŭ la moralaj kaj nutraj venenoj, kiuj mizerigas la homon kaj faras ĝin bruta aŭ nekonscia pri sia situacio, kelkaj fine per disvastigo de lingvo tutmonda, kiu devos unuigi la suferantan homaron kaj veki la senton de tuthoma solidareco.

Kiam aperis la unuaj informoj pri sukcesaj eksperimentoj de artefarita tuthomara helpa lingvo, vekiĝis same la espero pri tuthomara kulturo, des plie ĉar la kreinto de tiu ĉi lingvo kreis ĝin kun tiu ĉi penso en la koro. Feliĉe, tiu ĉi kreaĵo ne estas, kiel la flugmaŝinoj, aĉetebla kaj monopoligebla; ĝi apartenas al ĉiuj homoj senescepte, kaj ĉiu sen elspezo povas uzi ĝin por siaj celoj. Estis tute nature, ke precipe la entuziasmuloj pri tuthomara solidareco, pri kulturo sen mortigo, pri forigo de plutokratio ekkaptas tiun ĉi novan helpilon por siaj celoj. La profitantoj de la nuna socia strukturo (kaj eĉ ĝiaj ekspluatataj servantoj!) vidis la danĝeron kaj kreis deklaron pri neŭtraleco de Esperanto. Sed feliĉe la kreinto de Esperanto klare diris dum la Ĝeneva kongreso (1906): „Se nin, la unuajn batalantojn por Esperanto, oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forĵetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto, kaj ni ekkrios kun abomeno: Kun t i a Esperanto, kiu devas servi ekskluzive nur al celoj de komerco kaj praktika utileco, ni volas havi nenion komunan!"

Ni nun havas multajn revuojn kaj movadojn, kiuj uzas Esperanton speciale por iu aparta ribelo kontraŭ sociaj malbonoj: Teristo, Novaj Tempoj, Sennacieca Revuo, Verda Utopio, Vegetarano k. a. Kaj nun Esperantistoj, kiuj nomas sin neŭtralaj, plendas kontraŭ la kunligo de Esperanto kun tiuj „utopioj". Ni ne forgesu, kion faris la ne-utopianoj el la flugmaŝinoj, kaj ni estu ĉiuj firmaj kaj solidaraj en nia intenco, ke nia paca batalilo Esperanto ne estu monopoligata de la samaj elementoj, kiuj dank' al nia socia strukturo faris el flugmaŝinoj mortigilojn, el presarto mensogilojn por disigi la popolojn, el laborŝparantaj maŝinoj rimedon por ekspluatado de senposeduloj.

Kaj ni ĉiuj iru krune, utopianoj, ĉar ni scias, ke nur la krea evoluemo de ĉiutempaj utopiuloj ŝovis la kulturon antaŭen malgraŭ la indiferenteco de la granda amaso. Nia estas Esperanto! La estonto estos nia! O. B.

---

### Diversaĵoj.

**Kolombeto-paŝado.** Laŭ anglaj ĉiutagaj gazetoj oni fine sukcesis atingi malpermeson kontraŭ la paŝado al vivaj kolombetoj en Montekarlo. Esperinde estas, ke iom post iom oni povos ĉesigi ĉiun abomenan sporton. Jam la ĉevalvetkuradoj kun la tuta aparato de monvetoj estas hontindaj; sed kion diri pri la sangaj bovbataloj en Hispanujo kaj suda Francujo kaj la kokbataloj en Meksikio?

**Romain Rolland** skribis en letero: „La krueleco kontraŭ la bestoj kaj jam la indiferenteco pri iliaj suferoj estas laŭ mia opinio unu el la plej gravaj pekoj de la homaro. Ĝi estas la bazo de la homa malbonmoreco. Se la homo kaŭzas tiom da suferoj, kian do rajton li havas por plendi, kiam ankaŭ li mem suferas?"

**Kadukaj ĉevaloj.** La komerco je kadukaj ĉevaloj eksportataj el Grandbritujo en kontinentajn landojn por esti tie buĉataj forte malgrandiĝis. En jaro 1920 la nombro de tiaj ĉevaloj estis 58 000, en 1921a 45 000

kaj en 1922a 17 000. La suferoj de tiuj bestoj dum la transporto kaj ilia sorto provokis la proteston de bestprotektantaj societoj.

**Kontraŭ la puno de morto** la Ligo por Paco kaj Libereco (90, Avenue Chambers, London W. C.) aranĝis publikan paroladon la 16. 2. 1923, dum kiu G. Lansbury, H. Hamilton Fyfe, Margery Fry kaj W. H. Thompson motivigis la postulon por forigo de mortpuno. La dirita ligo havas specialan komitaton por forigo de mortpuno.

**La virinoj en Japanujo** post multaj klopodoj atingis, ke la leĝo konsideras nulaj la kontraktojn, per kiuj la estroj de tetrinkejoj kaj amuzejoj aĉetas sep—ĝis okjarajn knabinojn de malriĉaj gepatroj, por eduki ilin kiel dancistinojn kaj publikulinojn (gejŝojn). Tio estas granda sukceso de la movado por liberigo de la sekssklavinoj.

**La pacifisto Eugen Debs** en Usono citita sur paĝo 25a de nia bulteno VI/2 deklaris sin ano de la vivreformo.

---

## MOVADO POR ĈASTA VIVO.

### La Dancado.

Dancado kaj dancado ne ĉiam estas la sama. Ni distingos tri specojn: infanludo, artesprimo kaj ĝuomovado.

Estas en la dancamo tri faktoroj: plaĉo al ritma movado, ennaskita en preskaŭ ĉiuj homoj, neceso je gajeco kaj nekonscia artamo. Ni nun ne volas prijuĝi la infanludon, nedanĝeran amuzaĵon, en kiu sin montras ĉe la infanoj la vivoĝojo en natura, sana maniero; ju pli libere des pli bone, kaj prefere ekstere en la plena naturo!

Ni ankaŭ ne volas priparoli la dancarton kiel specialan elmontriĝon de la amo al estetiko, kiu donis, precipe dum la klasika epoko, per dancfiguroj simbolan klarigon de tio, kio estis kantata.

Ni do limigos nin je la ĝenerala dancĝuo, la dancado kiel speciala speco por amuzado.

Jen la multaj danckursoj, danckluboj kaj dancfestoj, la baloj inter ĉiuj klasoj kaj rangoj.

Estas nedefendeble, vidite el eduka vidpunkto, ke infanoj partoprenas en amuzajoj, kiuj ne povas okazi por ili sen imito de plenaĝaj homoj, kaj des pli grave de grandaj homoj en iliaj malplej imitindaj manieroj (malfrue enlitiĝi, vespermanĝadoj, restadi en nefreŝaj salonoj, kaj pliaj akcesoraĵoj).

La dancado fortege funkciigas la koron kaj pulmojn, kaj pro tio fakte devus okazi en freŝa aero kaj en malpremaj vestaĵoj.

La nura voluptoĝuo de la dancado en si mem ne povas esti nomata malbona. Sed nia spirito — nia racio kaj konscienco- devas kontroli, estri la naturan instigon al ĝuosento. Plej grave do estas, ke oni zorgu, ke la ĝuosento ne fariĝu malbeno. Por multaj la dancado en niaj modernaj baloj estas „ludi per fajro".

En la dancado sendube ekzistas seksa elemento, nekonscia deziro de la seksindividuoj, kaj tion kontentante oni ankaŭ devas rekoni la danĝerojn de la dancpero.En la modernaj dancoj oni efektive vidas klare la influencon de la amerika nigrulo, nome eksciti la pasiojn; eĉ la antikvajn dancojn oni ne plu dancas tiel bone pro la influo de la „stepoj" (steps).

Distraĵo, amuzaĵo, ĝuo, certe tio ĉio havas ekzistrajton, sed ni devas kontraŭstari ĉion, kio malaltigas la homon al ludpilko de satano.

Fizika kaj morala danĝero kuŝas en la dancado aŭ pli bone en la ŝovado sur la dancplanko; la influo je la volupta flanko de la homo estas ruiniga. La nedeca vestaĵo de la dancantino, la maldecaj teniĝoj, la persona kontakto, la pasia ekscito kaj la nekonvena libereco, kiu estas permesata dum la turniĝoj laŭ la takto de la muziko, ĉio treege influas la korpajn inklinojn. Multaj morale pereis pro tiu influo.

Ĉu iu povas montri, ke la baloj estas lokoj por plialtigo de la respekto por la virino? Iu junulo iam diris: Mi vidas en la maniero en kiu viro ĉirkaŭprenas la virinan korpon profanecon de la virino kaj mi neniam povas kompreni, kiel virino kiu respektas sin mem tion toleras. En la ĉiutaga vivo ŝi certe ne konsentus ion similan.

La modernan dancsalonon oni povas nomi malsanecfenomeno de degeneriĝinta socio.

La konkludo do estas, ke la dancado enhavas grandajn danĝerojn precipe por la morala bonfarto de junaj kaj nejunaj personoj. Vidite el la vidpunkto de la Movado por Ĉasta Vivo ĝenerale ne meritas rekomendon partopreni en danckluboj aŭ en baloj kaj tion certe ne, se tie la tiel nomataj modernaj dancoj estas dancataj aŭ ŝovataj. D. R.

---

Forkuru la tenton, forkuru ĝin laŭ via povo!

---

### Paroloj de patrino.

S.ino Weslay skribis al sia filo la sekvantan respondon al lia demando: „Kiuj distraĵoj estas permesitaj al mi?"

Kiam vi volas prijuĝi, ĉu ia distraĵo estas permesata aŭ ne, pripensu tiam la jenon: ĉio kio malfortigas la prudenton, kio malpliigas la delikatecon de la konscienco, la komprenon de Dio, la penadon al la plialta spirita celo; kio plialtigas la povon de la materia korpo super la eterna animo estas peko, eĉ se la distraĵo en si mem estus nekulpa.

---

### Kuracista esploro antaŭ la edziĝo.

La argumentoj por la kuracista esploro tie ĉi ne estos detaligataj. Ŝajnas utile forpreni malkomprenon, kvazaŭ tiu ĉi punkto enhavus edziĝomalpermeson, se la kuracista esploro havus nefavoran rezultaton. Tio neniel estas la celo. La celo nur estas: vero, altigo de la sento de prirespondeco de la geedziĝontoj. La junulo kaj la junulino, kiuj volas fondi familion, devas scii, kion ili faras, kaj sub kiaj cirkonstancoj ili faros tion. Por la interesoj de la nescianta edzo (ino) kaj de la naskotaj infanoj, en ĉiu okazo devas esti malhelpate, ke pro malsano aŭ konstitucia anomalio de la alia edzo (ino) ĉiaj korpaj kaj spiritaj malfeliĉoj estos elverŝataj super la familio; tio estus la sekvo de facilanima aŭ krima kaŝado, pro kio la senkulpuloj iĝus la viktimoj. Sed se la gefianĉoj, aŭ almenaŭ ĉe neplenaĝeco iliaj gepatroj aŭ zorgantoj estas informitaj pri la rezultatoj de la esploro, tiam trompo estas malhelpita, kaj pro tio estas sufiĉe farite por la ŝirmado de nesciantoj, kio estas la morala devo de la komuneco. Fari pli, estus nepermesita en-

miksiĝo en la koncernoj de homoj, kiuj estas prirespondaj pri sia propra vivodestino.

### La Malkaŝo de Ameriko
aŭ
### Survoje kun fraŭlino Wilhelmina Lohmann.

Ameriko denove malkaŝiĝas, . . . almenaŭ al tiuj, kiuj ĝis nun kredis la novaĵojn sisteme preparitajn de la centra gazetara oficejo en Anglujo por okcidenta Eŭropo pri la malbonaj efikoj de la Oka Aldono al la Fundamenta Leĝo (la tielnomata malpermesa leĝo), novaĵojn avide represatajn ankaŭ de nia nederlanda ĉefa gazetaro.

Ni abstinenculoj, post la kongresoj en Vaŝingtono (1920) kaj Lausanne (1921), kaj per ĉiuj informoj liverataj de nia propaganda gazetaro, gutete sed regule kaj de fidinda flanko, estas jam delonge preparitaj ekvidi Amerikon (Usonon) kvazaŭ per la malpermesa leĝo renaskitan aŭ almenaŭ avantaĝe malsimilan en la gravaj aspektoj al la fikondiĉoj kaj malcivilizitaĵoj, kiujn al ni montras drinkanta Eŭropo. Tamen ankaŭ ni iel profitas, aŭdante el freŝa fonto de persona ĉeestinto pri la tiea hodiaŭa stato.

Tiun okazon ni ja havis lastan semajnon en la tri plej grandaj urboj de nia lando: Hago, Roterdamo kaj Amsterdamo, kie nia kunbatalantino, Wilhelmina Lohmann, vojaĝanta instruantino pri la alkoholproblemo, el Bielefeld, donis al amase alveninta aŭskultantaro plej gravajn sciigojn pri siaj spertoj en tiu „malseka" lando.

Instigilo al la amerika vojaĝo de f-no L. estis ĉefe la koincido de tri signifoplenaj kontraŭalkoholaj kongresoj en Usono kaj Kanado: meze de novembro nacia kaj internacia kongresoj de la Virina Kristana Abstinenca Mondunuiĝo en Philadelphia (Usono sola jam nombras okcentmil organizitajn abstinenculinojn!) kaj fine de novembro la internacia kongreso de novefondita Mondligo Kontraŭalkoholisma en Toronto. Ĉiuj tri kongresoj estis laŭ amerika stilo grandioze aranĝitaj: la internacian virinan kongreson ĉeestis tri gis kvarmil interesuloj el 27 ŝtatoj, la lastan kongreson vizitis reprezentantoj el 65 ŝtatoj de ĉiuj mondpartoj.

Sed pli ol pro la grandioza okazo interkonatiĝi kaj interparoli kun multaj el la gvidantoj de la movado, nia samcelanino entreprenis tiun por germana monujo tre multkostan vojaĝon pro la propraokula konvinkiĝo pri la vero — aŭ nevero — de ĉio, kion ĉiam disvastigis la okcidenteŭropa gazetaro kaj kion atestis multaj germandevenaj amerikanoj.

Ŝiaj observaĵoj jam komenciĝis ĉe la enŝipiĝo en Bremeno; ĉar por la trimil vojaĝantoj (ŝipanaro kaj pasaĝeroj) nenia alkoholaĵo estis havebla. Dum la multaj kaj gajaj vesperaj festoj nur limonadoj estis proponataj, kio ne kaŭzis malkontenton ĉe la plejmulto el la germanamerikaj vojaĝantoj. Kontraŭe, multaj viroj — impresitaj de la ĵus en Germanujo observitaj fikondiĉoj kaŭze de la ankoraŭ en tiu lando forte regantaj drinkkutimoj, el kiuj ili jam estis elkreskintaj — laŭdis la amerikan staton, kaj multaj virinoj sin sentis ekstreme sendanĝeraj sur tiu granda senalkohola ŝipo.

En Ameriko fraŭlino Lohmann povis kolekti impresojn, krom en la kongresurboj, en Brooklyn, Novjorko, Vaŝingtono kaj Connecticut, ne nur okule, sed ankaŭ per la nazo. Ĉar dum la tutaj ses semajnoj ŝi nek vidis unu solan ebriulon aŭ ebrietulon, nek povis rimarki la plej etan odoron de komsumita alkoholo dum la multvizitata elektotago en Novjorko nek ankaŭ en la plenaj haloj de la grandaj hoteloj. Ŝia unua matenmanĝo, en Brooklyn, kondukis ŝin sub amerikana gvido al vasta kaj bonorda kafejo, ĉe la strato, tute senkurtena, instituto kiu montriĝis estinta unu el la plej malbonfamaj drinkejoj antaŭ la malpermesa leĝo.

Same estis ĉe ĉiuj anguloj, ankaŭ en la plej malriĉaj kaj antaŭe plej danĝeraj kvartaloj, kiel ekzemple Bowery, kiun f-no L. ankaŭ nokte vizitis sen ia nekonvena renkonto, kvankam la stratoj ankoraŭ montris signojn de malriĉa enloĝantaro. Ĉiuj, ja efektive ĉiuj antaŭaj drinkejoj metamorfoziĝis en kafejojn, laktejojn, sukeraĵejojn, bakejojn aŭ aliajn butikojn, kaj ĉiuj tiuj negocistoj estas kontentaj pro tio, ke la aĉetpovo de la popolo grave pligrandiĝis. Nur unu, du drinkejoj, tro neloĝeblaj, ne povis ankoraŭ esti transformataj por alia destino.

La tuto el tiamaniere transformitaj drinkejoj nombras ne malpli ol 177 000, transformitaj bierfarejoj 1300, distilejoj 600, en Usono.

En la subteraj fervojoj la sama bildo de ordo kaj disciplino, eĉ dum plej granda trafiko, same nokte kiel tage. Grandan malliberejon oni montris, konstruitan por 300 loĝantoj, sed nun okupitan de nur 60 personoj, kiujn oni intencis baldaŭ transloĝigi, por difini la konstruaĵon al alia destino.

Tiuj, kiuj kaŝe ankoraŭ drinkas, estas aŭ neamerikanoj aŭ neplibonigeblaj ne-senhavuloj. Por la juna generacio la trinkado jam ne ludas ian rolon.

Dum la kongresoj estis sciigataj la plej konvinkaj statistikoj pri rapide kreskanta bonfarto, kiu sin montras interalie per la post la malpermesa leĝo rapide plialtiĝintaj ciferoj ekzemple pri aŭtomobilkonstruado, produktado de fero, ŝparmono, asekuroj, privata havo kaj tutpopola riĉeco.

Al f-no L., kiel germanino, tiu ĉi postmilita bildo de neordinara civilizitec0 kaj rilata bonfarto kompare je germanaj cirkonstancoj faris nepriskribeblan impreson, kaj kun sopiro pli arda ol iam, alporti similan bonon ankaŭ al la propra lando, ŝi revenis.

Dankante, ke ankaŭ jam en Nederlando la parolintino donis okazon profiti ŝiajn spertojn, J. van Rees, Prof. D-ro.

El „De Geheelonthouder" (La Abstinenculo)
tradukis M. van R.

### Area Reformo (Terismo).

Mi kredas la Patrecon de Dio kaj, sekve, la fratecon de la homaro. „Homaro" mi nomas ĉiujn homojn, el ĉiu nacio, kredo aŭ raso. Ĉu vi konsentas?

Mi kredas, ke la Kreinto volonte donacis la teron al ĉiu el Siaj infanoj, kaj ke ĉiuj havas egalajn rajtojn al ĝia uzado.

Mi kredas, ke la ordono „En la ŝvito de via vizaĝo vi manĝos vian panon„ nepre ankaŭ signifas „Vi ne manĝos panon en la ŝvito de la vizaĝo de via frato". Ĉu vi konsentas?

Mi kredas, ke ĉiuj, kiuj vivas senlabore per riĉaĵo, produktita de aliaj, malobeas la Dian leĝon, ĉar ili manĝas panon en la vizaĝŝvito de siaj fratoj. Ĉu vi konsentas?

Mi kredas: ke neniu homo rajtas posedi povon forpreni riĉaĵon, kiun li nek produktis nek perlaboris, krom se ĝi estas volonte donacita al li de la produktinto. Ĉu vi konsentas?

Mi kredas, ke frateco postulas plenan rekompencon pro ĉiu servo, kiun oni ricevas de sia frato. Ĉu vi konsentas?

Mi kredas, ke blasfemas tiuj, kiuj asertas aŭ sugestas, ke Dio kondamnis kelkajn el siaj infanoj al senespera malriĉeco, kaj al la sekvantaj el ĝi krimo, malsato kaj mizero kaj rezervis samtempe al aliaj facilan kaj luksan vivadon senlaboran. Ĉu vi konsentas?

Mi kredas, ke kontraŭvola malriĉeco kaj kontraŭvola senlaboreco estas nenaturaj, kaj rezultas de tio, ke kelkaj neas la rajton de la ceteraj uzi libere la restinitajn por ĉiuj donacojn de Tio. Ĉu vi konsentas?

Ĉar laborproduktojn ĉiu bezonas por subteni la vivon kaj ĉar por ke la tero produktu, devas esti aplikata laboro, mi kredas, ke ĉiu infano naskiĝas kun Dia permeso uzi la teron sen la konsento de iu alia infano de Dio. Ĉu vi konsentas?

Kie homoj amasiĝas en organizita socio, la tero akiras valoron sendependan de la valoro de laborproduktoj; ĉe plinombriĝo de loĝantaro kaj kresko de industrio, la valoro de la tero pligrandiĝas, sed NE pligrandiĝas la valoro de la laborproduktoj. Tiu pligrandiĝo de la tervaloro estas farita de la socio mem. Ĉar via laborpovo estas donaco de Dio, ĉiu riĉaĵo de vi produktita, apartenas al vi, kaj neniu homo, nek aro da homoj rajtas forpreni de vi ian parton de ĝi. Ĉu vi konsentas?

Mi kredas, ke la socie farita valoro de la tero apartenas al la socio, tiel same kiel la rezultatoj de via laboro apartenas al vi. Tial mi kredas, ke fundamenta malbono — granda socia, dion neanta krimo — estas la monstra sistemo, laŭ kiu oni permesas al kelkaj homoj fakte alproprigi al si la socie faritajn tervaloraĵojn, dum organizita socio konfiskas, por komuna bezono, parton el la produktoj, faritaj de individuoj. Ĉu vi konsentas?

Granda nuntempa socia maljustaĵo estas tiu, ke la tero iĝas propraĵo de individuoj. Neniu povas vivi krom per la tero kaj per la produktoj, akiritaj el la tero per laboro. Tial nenio efikos krom la forigo de la maljustaĵo mem. Nenia rimedo ekzistas por forigi la maljustaĵon, krom la apliko de la Solimposta sistemo. Ĉu vi konsentas?

Mi kredas: ke la justeco postulas, ke la tero estu konsiderata kiel komuna propraĵo, ke oni impostumu la tervalorajojn — tiun komunan propraĵon — kaj uzu la ricevitan renton por komunaj bezonoj, liberigante samtempe de impostoj la entreprenojn kaj industrion. Tio estas mia kredo, mia fido, mia religio. Se mi eraras, montru al mi kiamaniere. Mi kiel eble plej bone asertas mian kredon, mian fidon, mian religion, per ĉiuj rimedoj, kiujn mi povas uzi. Mi penas forigi tiun inferon de civilizacio, kiu estas malriĉeco kaj timo pri malriĉeco. Mi uzas ĉiujn rimedojn por efektivigi la volon de nia Patro por starigi la fratecon de la homaro, donante al ĉiu el niaj fratoj egalan rajton ricevi kaj uzi la donacojn de nia Patro. Ĉu mi estas malprava? Se jes, kial?

Ni konsideru la rilaton inter justeco kaj impostaro. Se la ŝtata organismo havas naturan kreskadkapablon — kaj mi asertas — ke ĝi havas, — tiaokaze la natura Dia leĝo certe provizas la necesajn por ĝi nutraĵojn kaj bezonaĵojn, ĉar kie en la naturo oni trovas, ke kreitaĵo venas en la mondon sen ĝustatempe preparita por ĝi provizo de naturaj ekzistrimedoj? En nia imposta sistemo troviĝas la plej emfaza el ĉiu neado de la Patreco de Dio kaj de la frateco de la homoj: ĉar unue, por pagi niajn komunajn bezonojn, ni forprenas de la individuoj TION, KIO ESTAS PROPRAĴO PRIVATA, due ni permesas al kelkaj individuoj preni por si mem TION, KIO ESTAS PROPRAĴO KOMUNA. Tial, sub preteksto de impostumado por publikaj celoj, ni jam starigis sistemon, kiu permesas al kelkaj homoj forpreni impostojn de aliaj homoj, por privata profito. Ĉu TIO ne kontraŭstaras la naturan Dian leĝon? Ĉu tio ne naskas lupan avidecon unuflanke, kaj treegan malriĉecon aliflanke? Ĉu oni povus elpensi ian pri bonan sistemon por konvinki homojn, ke Dio estas la Patro de malmultularo, kaj la duonpatro de multularo. NU, EĈ EN PARADIZO MEM, SE LA TERO ESTUS PRIVATA PROPRAĴO, EKZISTUS RIĈEGULOJ KAJ MALRIĈEGULOJ. Ĉu la homoj ankoraŭ estas tiom blindaj, ke ili ne povas kompreni tion? Se jes, ĝis kiam ili komprenas tiun socian kaj moralan leĝaron, ili ne, kaj neniam, atingos liberecon. Oni aŭdas multon hodiaŭ pri la devo de registaro, trovi laboron por senlaboruloj, aŭ eventuale subteni ilin mone. Kiam laborreprezentantoj subtenas tiajn proponojn, tio nur montras ilian intelektan bankrotecon. Estas memevidenta vero, ke ĉiuj homoj kreiĝas egalaj: ili ricevas kelkajn nekontesteblajn rajtojn, inter kiuj la ĉefaj estas tiuj je vivo, libereco, posedo kaj sendanĝereco. Por certigi tiujn rajtojn oni starigas inter la homaro registarojn, kiuj ricevas siajn justajn povojn laŭ la konsento de la regataro. Kiam iu speco de administrado fariĝas nefidinda por konservi tiujn rajtojn la popolo havas la rajton forigi ĝin — pace se eble, perforte, se necese. Se oni estus konfesanta tiujn rajtojn, senlaboreco kaj malriĉeco jam ne ekzistus. De kiu ajn flanko mi rigardas tiun temon, mi nepre devas proklami, ke ekzistas neniu problemo pri laboro, neniu problemo pri propraj hejmoj neniu problemo pri nutraĵo, neniu problemo pri senlaboreco. Kial? ĉar la postulado pri produktoj, kiuj satigas dezirojn, estas persistema kaj ĉiama, kaj la homoj, kiuj postulas ilin, havas mem la rimedojn por akiri ilin. Nur estas necese, ke tiuj manoj povu atingi la neelĉerpeblan provizejon de la naturo. Ĉu ni povas interkonsenti pri tio?

Se ĉiu reformisto konfesus la impostumadon de la terrento, li povus pruvi al ĉiu alia regnano la nenecesecon kaj malutilon de ĉiuj ceteraj impostoj. Kiu ne estas tion kompreninta, ne taŭgas kiel leĝdonanto. Ĉiu reformisto devus kompreni la suprecititajn principojn, li devus propragandi tiujn principojn, malatentante la vestojn, havaĵon, socian staton kaj politikajn tendencojn de siaj samlandanoj. Kiam la mondo komprenos tiujn principojn kaj alproprigos la terrenton al la socio, nur tiam la homaro iĝos libera.

Venejano.

---

**Kontraŭ la Fumado.**

En la ŝtato Utah de Usono oni havas severan leĝon kontraŭ la fumado en publikaj ejoj kaj en manĝejoj. Se la manĝejestroj volas permesi la fumadon, ili devas rezervi al la fumantoj specialan ĉambron, ekster kiu oni ne rajtas fumi. La usonaj ĉiutagaj gazetoj multe priparolas tiun ĉi leĝon, speciale post kiam kelkaj „respektindaj“ personoj pro ago kontraŭ la leĝo estas arestitaj.

La taga gazeto „The News" aperanta en Saltlake-city, la ĉefurbo de la ŝtato Utah, diras interalie pri la afero: „Al multaj personoj la fumado estas ne sole ofenda kaj malagrabla, sed absolute malsaniga; ĝi estas speciale abomena por ili, kiam ĝi enmiksiĝas en iliajn manĝaĵojn. — En ejoj, kie manĝaĵoj estas publike servataj, la limigo de la fumado estas multe pli motivita ol en multaj lokoj, kie ĝi jam nun estas malpermesita."

Oni diskutas nun kontraŭcigaredan leĝon (anti-cigaret law) en Utah. En Ĉikaga gazeto „Daily News" aperis karikaturo de vivreformanto kun pafilo en la mano. En dometo estas la felo de urso, kiun li jam mortigis, kaj la urso estas nomata „alkoholo"; sur branĉo de arbo sidas tri birdetoj: cigaro, fumtabako, cigaredo, kaj kontraŭ ili li direktas sian pafilon.

Estas jam bona signo, ke tiuj ĉi aferoj estas publike diskutataj; en Eŭropo ni bedaŭrinde preskaŭ dronas en la pesto de alkoholo kaj tabako.

---

**Vegetarana Mondo.**

Nia bulgara samcelano Atanasov en Halle (Germanujo) faris en la grupo de bulgaraj studentoj en Halle paroladon pri la „Sciencaj Bazoj de Vegetarismo". La Plovdiva (Filipopla) vegetarana grupo (Bulgarujo) aranĝis tra la tuta vintro interesajn paroladojn, el kiuj estas speciale citindaj: „Tolstoj kaj la mortpuno" de S. Pepelov, „Victor Hugo kaj la mortpuno" de la sama, „La movado de Gandhi en Hindujo" de J. Kovaĉev, „Pri internacia lingvo" de Ang. Todorov, „La internacia lingvo Esperanto" de D. Malĉev, „Ĉu la homo estas viandmanĝanto?" de Jordan Kovaĉev. En la pedagogia lernejo en Lom (Bulgarujo) At. Georgijev legis laboron pri la temo „La kompato kun la bestoj". En Peŝtera la vegetarana vivo montriĝis speciale vigla. Paroladis: Prof. D. Kacarov pri „Libera Edukado", Iv. Kojumĝijev pri „Kulturo kaj Civilizo", St. Penelov pri „La area demando en Rusujo", G. Vartolomejev pri „Ĉu la faktoj efikas sur la pensojn, aŭ ĉu la pensoj efikas sur la faktojn?", Sl. Delnikov pri „Kristanismo kaj Revolucio", Jordan Kovaĉev sen difinita temo. Nia samcelano Janko Todorov malfermis la kunsidojn kaj gvidis la diskutojn. (Informoj prenitaj el la bulgara „Vegetarianski Pregled", Sofio, ulica 6. septemvri 1, Bulgarujo.)

La angla moda revuo „The Ladies' Tailor" (La Tajloro de la Sinjorinoj) enhavis tute ordinaran artikolon pri la peltaj modoj kaj finis ĝin per la surprizantaj (por tiu ĉi organo) rimarkoj:

„Kvankam iuj povas konsideri ĝin ekstertema, unu demando neeviteble aperadas rilate je la peltnegocado, nome: ĉu la pelta industrio bazas sur krueleco? Interesitaj personoj kompreneble grandpene klopodas pruvi, ke la havigo de la peltaĵoj ne necesigas kruelecon kontraŭ la peltdonaj bestoj. Eĉ, kelkaj el ili argumentas, kvazaŭ ili estas bonfarantoj por tiuj senhelpaj malgrandaj bestoj kaj montras al ili la plej grandan afablecon, malvivigante ilin. Ni ne deziras, insisti pri tiu ĉi demando; sed ni absolute ne povas kompreni, kiel oni povas ne konsideri kruela kaj nehumana la senkonsideran buĉadon de milmiloj da belaj bestoj ĉiujare, por kovri sinjorinojn de civilizita kaj rafinita gusto; des plie, ĉar tiu ĉi buĉado estas tute nenecesa. La tajloroj kaj peltistoj por la sinjorinoj povus rediri, ke ne koncernas ilin la demando, ĉu krueleco estas uzata, por havigi al ili la peltojn vendotajn al iliaj aĉetantinoj, kaj ke la faroj de aliaj personoj ne bezonas interesi ilin. Ili eĉ povus aldoni, ke etikaj demandoj ne havas konvenan lokon en la regno de la komerco kaj tial devas esti neatentataj. Al tio ĉi ni respondas, ke tia argumentado estas komprenebla, sed tute ne konvinka."

Ni plezure salutas tian opiniesprimon en tiu ĉi loko kaj esperas, ke tia konsekvenca pensado kaj kontrolo flanke de la etika konscienco disvastiĝu ĉiam plie.

En **Litovujo** ne ekzistas ankoraŭ memstara vegetarana gazeto aŭ asocio. En la urbeto Wilkija fondiĝis vegetarana grupeto, kiu aranĝas ĉiusemajne diskutvesperojn pri nutrado kaj higieno.

**Estonujo.** Nia nacia sekretariino raportas, ke en Estonujo la movadoj vegetara kaj abstinenca estas malmulte konataj. Pri vegetarismo interesiĝas nur unuopuloj. Multfoje S-ino Dresen klopodis, por organizi vegetaran societon; sed ĝis nun la intenco ne estis realigebla. Tamen ŝi esperas, ke per obstino kaj pacienco ŝi sukcesos. Pri la abstinenca movado nia samideanino diras jenon: ĉu ĝi povas esti forta en lando, kies ĉefa enspezo estas ricevata per alkoholo? La ŝtato kaj la urboj, ĉiuj protektas la vendadon de alkoholo; pluraj urboj (ankaŭ la ĉefurbo Revalo nacilingve Tallinn) mem vendas la alkoholon monopole. Estas preskaŭ neeble trovi nedrinkantajn homojn. Eble nur du aŭ tri vilaĝaj komunumoj malpermesis la malfermon de alkoholvendejo en siaj distriktoj. Kaŝa alkoholeksporto al Finlando estas oficiale malpermesita; sed oni ne rilatas tre severe al la kulpuloj. La abstinenca societo en Revalo havas 42 anojn kaj vegetas. Ĝi estas fondita lastjare. Oni esperas iam malfermi propran manĝejon, kaj nia samideanino esperas, ke tie oni eventuale aranĝos specialan vegetaran fakon. La plej fama estona abstinenculo, D-ro Villem Ernits, parlamentano, kiu estas nun en Ameriko, por tie konatiĝi kun la malpermesa leĝo pri alkoholo, lastatempe montris intereson pri Esperanto. La abstinenca ligo eldonas gazeton „Tulev Eesti" (La estonta Estonujo). La „Estona Sobreca Movado" en Tartu abonis nian Vegetaranon. La 24. ĝis 25. februaro 1923 okazis abstinenca kongreso en la urbo universitata Tartu.

**Hispanujo.** La hispana vegetara societo konsentis aĉeta areon en la Ciudad Lineal, proksime je Madrido, por prepari la necesajn elementojn de la praktika vivo naturisma en la libera aero. En Bilbao la propagando vegetara estas speciale vigla, kaj en la gazetoj naskiĝis polemikoj inter kuracistoj naturismaj kaj kuracistoj ordinaraj. La organo de la hispana vegetara societo salutas tiun viglecon kiel bonan preparon por la Esperanta kongreso de la jaro 1924a kaj akcentas la parencecon inter niaj du verdaj movadoj.

En **Norvegujo** la konata dana batalantino kontraŭ la vivisekcio kaj vakcinado faris paroladojn kaj iniciatis la fondon de kontraŭvivisekcia movado.

En **Dresdeno** okazis la 8an ĝis 9a de aprilo kongreseto de bulgaraj vegetaranoj loĝantaj en Germanujo. Nia ligano Krestanov ĝin aranĝis. Ĝi bonege sukcesis, kaj Esperantismo kaj Vegetarismo dum tiuj tagoj montriĝis kiel plej bonaj gefratoj.

La germanaj ŝtataj fervojoj ĉesigis por la 1a de septembro 1923a ĉiujn kontraktojn pri alkohol-reklamo.

Nia samideano Salokannel en Laihia fervore laboras en la Bontemplana Loĝio de Laihia (Finlando) „Kavaliroj de la Abstinenco“. La loĝio eldonis flugfoliojn „Laissez faire, laissez passer“, „Kiihoitusaineiden kasvavaa käyttöä vastustamaan“ (Kontraŭ la kreskanta uzado de ekscitajoj) kontraŭ la alkoholo kaj „Du potencaj mondmovadoj, bontemplanismo kaj Esperantismo“, en fina lingvo. La loĝio plue eldonis kovertojn kun finlingva kaj Esperanta teksto kontraŭ alkoholo.

---

**Internacia Vegetara Kongreso en Stokholmo 1923.**

Post sciigo en la januara numero de „Vegetarano“ estis nomataj ankoraŭ jenaj oficialaj deligitoj por la Kvina Internacia Vegetarana Kongreso:

**Bulgarujo** por la Bulgara Vegetarana Asocio: Prof. Ilija Jenĉev kaj studento med. Minko Dobrev, ambaŭ momente loĝantaj en Germanujo kaj partoprenintaj la kongreseton en Dresdeno (8.— 9. 4. 23).

**Grandbritujo**, por la Vegetarana Societo (sidejo en Manchester): rektoro W. A. Sibly, Springfield, Wycliffe College. Por vegetaranaj kamparaj kolonioj: E. Burton Reeves.

**Hungarujo**, por la Hungara Vegetarana Societo: Inĝ. Jozsef Drahovszky, Budapeŝto.

Danke al la simpatio de la redaktanto Saxon kaj al la kunhelpo de nia samideano Henning Halldor en Stokholmo la sveda vegetara monata revueto „Vegetarianen“ (marta numero) estis akompanata de nia flugfolio, kies lasta teksto estas svedlingva. Estis aldonataj al la teksto indikoj pri svedaj lernlibroj kaj organizoj Esperantistaj. La presspezojn por la aldonita teksto bonvilis donaci nia landa sekretario K. A. Karlstén. Ankaŭ li partoprenos la kongreson.

---

**Libroj, parencaj Revuoj k. t. p.**

**Auferstehung** (Reviviĝo), organo de la „Ligo por praktika Vivarto“, eldonejo Geber, Freiburg i. B., Germanujo. Monataj germanlingvaj kajeroj pri vivreformo, speciale pri la spirado, kiu formas esencan parton de la pritraktata reformsistemo. La kajeroj postulas vegetarismon kaj laŭnaturan vivprincipon. Ili enhavas multe da bonaj artikoloj; sed estas bedaŭrinde, ke la movado iom tendencas al rasa monopolemo kaj al humiliĝo antaŭ tielmonataj majstroj. Jarabono 5 svisaj frankoj.

**The Vegetarian Messenger**, 39 Wilmslow Road, Rusholme, Manchester, Anglujo. La aprila numero estas speciale riĉa. D-ro Sibly raportas pri la Springfield-domo en la edukejo Wycliffe. En tiu domo la edukataj knaboj vivas vegetare. Multaj edukatoj tie estas dumvivaj vegetaranoj, ĉar infanoj de gepatroj vegetaranaj. D-ro Sibly mem de 40 jaroj vivas vegetare. Henry S. Salt, la mondkonata vegetarano kaj bestprotektanto, skribis bonegan artikolon pri la sofismoj el la manĝajejo. Aliaj temoj prilaboritaj: Ĉu la kruelaj sportoj kreas virecon? Paskaj pripensoj pri vegetarismo. Sinteza nutrajo.

**Rational Living**, 61 Hamilton Place, Novjorko, Usono. La marta numero ankoraŭ okupiĝas pri la trompa metodo de Abrams kaj ĝia blufado. Aliaj artikoloj: Coué kaj aŭtosugestio. La mekaniko de la vivado. Graseco. K. t. p.

**Novijat Jivot**, bulevard Botev 108, Sofio, Bulgarujo. Revuo pri etiko, arto, vivreformo.

**O Theosophista** (La Teozofo), organo de la Brazila Teozofa Societo. Eldonanto R. P. Seidl, rua General Bruce 112, Rio de Janeiro.

**Scienza ed Arte** (Scienco kaj Arto), eldonejo en Trieste (Via Ugo Foscolo 2), Italujo, kiu publikigas revuojn: Annali di Estesiologia (Analoj pri Sencimpresa Scienco), Annali di Chimica (Analoj pri Ĥemio), kaj broŝurojn: „Evolutio Conscientiae“ (Evoluo de la Konscienco“), ĉefe en itala lingvo. Krome ĝi aranĝas konkursojn pri sciencaj kaj aliaj temoj. Ekzemple pri „Ekvacioj diferencigaj de Maxwell-Lorentz“ estos premiata la plej bona memorskribo. Pluaj revuetoj publikigotaj de la eldonejo estas „Hypelektrono“ (pri lumaj fenomenoj, radioj violkoloraj k. c.) kaj „Il Monista“ (La Monisto, ano de universkoncepto, kiu bazas sur unueco de originaj specoj kaj de fenomenkaŭzoj). Pri detaloj turniĝu al supra adreso.

**Temperencia**, Revuo pri laŭracia naturismo, strato La Torre, 1, 2a etaĝo, Bilbao, Hispanujo. Nova hispanlingva revueto pri vivreformo kaj batalo kontraŭ alkoholo.

**Der Maisbau** in Mittel- und Norddeutschland, M. Steinbart, eldonis Paul Parey, Berlino S. W. 11, Hedemannstr. 10/11 (La Kulturo de la Maizo en Meza kaj Norda Germanujo), germanlingva, dudekokpaĝa broŝuro rekomendanta la kulturon de maizo en mezklimataj regionoj kaj indikanta kaŭzojn de ĝisnuna nesukceso kaj rimedojn por bona sukceso.

---

**Esperantaj Gazetoj, Libroj k. t. p.**

**Esperanto-Lehrbuch**, K. Brüggemann, eldonanto Friedr. Ader, Dresdeno-A. 27, Germanujo. Lernolibro por germanlingvanoj en 45 lecionoj, kun vortareto. Prezo enlande gM 120.—, eksterlande la duoblo. En nuna tempo, kiam ne nur entuziasmuloj, kies arda intereso plifaciligas la lernadon, lernas nian lingvon, estas bonvenaj lernolibroj, kiuj detale kaj sisteme paŝon post paŝo instruas Esperanton, kun multaj ekzemploj kaj ekzercoj. Tia estas ankaŭ la nova lernolibro.

**Th. Cart, Vortaro de la Oficialaj Radikoj.** Havebla ĉe Librairie Centrale Espérantiste, 51 rue de Clichy, Parizo, ĉe The British Esperanto Association, 17 Hart Street, Londono W. C. 1, kaj ĉe aliaj naciaj Esper. centrejoj. Salutinda oficiala eldono. Mankas ankoraŭ multuzataj radikoj, kiel abstinenc' absolv' k. a.

**Literatura Mondo**, redaktejo Budapeŝto VI, Andrássy-ut 81, Hungarujo. Redaktanto D-ro Teodoro Schwartz. Prezo ponumere 1 sv. frk., pojare 10 sv. frk. Bela bonpresita kaj riĉenhava literatura revuo kun artaj ilustrajoj.

**Sciigoj** de la Internacia Esperanta Ligo de Liberpensuloj kaj Monistoj. Jarkotizo 20 gM. Eldonanto Kurt Hubricht, Mariannenstr. 30, III., r., Lipsio-N., Germanujo.

**Fabeloj de Andersen**, Dua volumeto el la „Esperanta Biblioteko Internacia“ aperanta ĉe Ellersiek & Borel, G. m. b. H., Berlino S. W. 61, Wilmsstr. 5. Prezo 30 svisaj centimoj, bazprezo por mizervalutanoj M 0.30. Tiujn ĉi fame konatajn fabelojn de la bona aŭtoro Andersen tradukis senriproĉe lia samlingvano Skeel-Giörling. Rekomendinda represo.

**Das deutsche Lied in Esperanto** (La germanaj kantoj Esperantigitaj), sama eldonejo; prezo 80 sv. centimoj, germana bazprezo 0.80. El la vasta trezoro da germanaj popolkantoj la kompilinto de tiu ĉi libreto elektis la plej karakterizajn kaj plej disvastigitajn. La tradukoj estas bonaj. Fremduloj inter niaj samcelanoj ne juĝu la germanan trinkemon laŭ la kantoj; la forta kontraŭalkohola movado jam limigis en Germanujo la trinkmorojn precipe inter la nova generacio.

**German-Esperanta Poŝvortaro** de Karl J. Loy, sama eldonejo, prezo bindita sv. fr. 3., kartonita 2.50; germanaj bazprezoj 3.— kaj 2.50. Tre zorge kaj praktike ellaborita vortaro en bona aranĝo. Ankaŭ listo da geografiaj nomoj kaj listo da propraj nomoj estas donataj. Rekomendinda aperaĵo.

**Poŝkalendareto por Esperantistoj,** kompilita de Karlo Minor, sama eldonejo, prezo sv. fr. 0.50, germ. bazprezo 0.50. Ĉarma libreto, tre trafe aranĝita kun dataro, ĉiama datmontrilo, sciigoj pri la kongresurbo de la XVa kaj aliaj utilaj detaloj.

**Esperantsky Zpravodaj** (Esperanta Raportilo por Ĉeĥoj) eldonata de Julie Šupichová, Prago II, 2032; abono jare 15 ĉkr., por enlandanoj 10 kr.

**L'Étoile Verte** (La Verda Stelo), monata organo de la Mediteranea Esperantista Federacio, Marseille (Francujo), 43 Cours Joseph Thierry. Jarabono 4 fr. frk., por enlandanoj 3.—.

**Ludo kaj Sporto Dresdeno 1923.** La Germana Esperanto-Asocio dissendis cirkuleron pri grandstila ekspozicio de ĉio, kio rilatas al ludo kaj sporto, aranĝota en Dresdeno inter la 15. 5. kaj 20. 9. 1923a. Okazos ankaŭ sportkonkurencoj, kaj en proksimeco oni aranĝos velflugojn per senmotoraj aeroplanoj. Interesuloj turniĝu al „Deutsche Jahresschau Spiel und Sport, Dresdeno, Ekspozicia Palaco".

**La Paco,** organo de Otani Daigaku Esperanta Grupo ĉe Otani Universitato, urbo Kioto, Japanujo. Hektografita kolekto de artikoloj pri budhismo.

**Libero,** neabonebla organo de Sanko Esperanta Grupo ĉe Dai San Kotogakko, urbo Kioto, Japanujo. Tre interesaj artikoloj pri japana viv- kaj artkoncepto k. t. p.

**Sennacieca Revuo,** redaktanto E. Lanty, 24 Boulevard Beaumarchis, Parizo. Jen bonega revuo, kiu meritas konstante ripetatan rekomendon. La marta numero prisskribas en la raporto pri trisemajna restado en Rusujo la viziton de la redaktanto Lanty ĉe „Vegetaranoj", t. e. ĉe la kolonio de nia amiko Szabuniewicz kaj liaj helpantoj. Parolante pri la fummanio inter virinoj en certaj rusaj medioj, la raportanto prave diras: „Alpreninte la malvirtojn kaj la mankojn de viroj, iuj virinoj sendube opinias, ke ili liberiĝis. Kompatindulinoj!" Mankas bedaŭrinde lingva disciplino.

**Bulteno** de la Centra Komitato de Sovjetlanda Esperantista Unuiĝo, poŝtkesto 630, Moskvo, Rusujo. Monata en rusa kaj Esperanta lingvoj.

**Esperantista Junularo,** dumonata revueto, oficiala organo de la Universala Esperanta Asocio Junulara; redaktanto A. Robin, Baugé, Maine-et-Loire, Francujo. Jarabono 1 sv. frk.

**Kofinuko,** ilustrita sessemajna revuo tutmonda pri ĉiaj kolektobjektoj kaj interesoj de kolektantoj. Redaktejo Budapest 41, 180 poŝtkesto, Hungarujo. Jarabono 2 sv. frk.

**La Unuiĝita Tuthomaro,** Esperanta bulteno pri kulturo bazanta sur amo kaj bonvolo. Eldonanto W. Heydorn, Hamburgo 15, Germanujo. Abonpago laŭkapable.

**Novaj Tempoj,** revuo pri popoledukado, monata, redaktanto Habert, 23bis, rue Morère, Parizo, Francujo. La revuo fariĝis oficiala organo de la internacia Esperanta Ligo de Liberpensuloj kaj Monistoj. Citinda estas en la aprila numero la skizo „La Ĉamĉasisto', dediĉita al nia bulteno. Iom mankas lingva disciplino.

**Ekzercaro** de L. L. Zamenhof, eltirita el la Fundamento de Esperanto, eldonejo Ellersiek & Borel, Berlino S. W. 61, Wilmsstr. 5. Prezo fr. sv. 0.30, por mizervalutanoj ŝlosilnombro 30 pfenigoj. Tute en Esperanto. Salutinda reeldono. Ĝin devus trastudi denove certaj artikolverkantoj (kaj iliaj tro toleremaj redaktantoj), por konvinkiĝi, ke nia lingvo havas plenan esprimkapablon kaj propran karakteron; efektive, ĝi ne estas simpla ĵargono, por kiu sufiĉus uzi iujn latinidajn vortojn aldonante Esperantan finiĝon. Tro mallaboremaj estas tiurilate multaj tradukantoj !

**Lingva Disciplino.** Tiuokaze oni permesu al la recenzanto, ke li rememorigu al la redaktantoj de Esperantaj gazetoj ilian respondecon pri la lingva disciplino, kiu sola povas certigi nian sukceson. La evoluo de nia lingvo ne povas konsisti el senĉesa senkontrola aldono de neologismoj, sed el plisimpliĝo de la formoj kaj aldono de novaj vortoj nur en okazo de absoluta neceso.

---

**Petoj, proponoj, leterkesto.**

**Laborista Esperanto-Societo** en Lodz (Polujo) fondis bibliotekon de Esperantaj kaj priesperantaj libroj, sub nomo „Biblioteko Romain Rolland". Por pliriĉigi sian librotrezoron, ĝi turnas sin al ĉiuj simpatiantoj kun varmega peto, ke ili subtenu la bibliotekon per alsendo de libroj, broŝuroj k. t. p., kiuj igus ĝin vere meriti la faman nomon de Romain Rolland. Adreso: Esperantista Societo Laboro, strato Zamenhofa 17, Lodz, Polujo.

**Refreŝiga restado.** Mi serĉas por junulo refreŝigan restadon ĉe vegetaranoj dum du ĝis tri monatoj, kontraŭ helpa laboro. Ie ajn, ankaŭ eksterlande. Bonvolu skribi al K. Saecker, Danzig-Langfuhr, Brunshöferweg 47, ŝtato Danzig.

**Stefan Bandzarewicz,** poŝto Biala-Podlaska, gm. Sidorki, kolonio Mikolajówka, Polujo, intencas fondi panan legomĝardenon (laŭ mana terkulturo de E. Popov). Tiu ĉi sistemo fondiĝas sur jenaj principoj: a) Ĉiuj laboroj plenumiĝas per persona laboro. b) Malesto de mortigo kaj turmentego al bestoj. c) Malgrandetaj parceloj, proksimume 1350 kvm. d) Bonrikolto dependas de homo, krom efektivaj malfeliĉoj kiel hajlo k. t. p. Li deziras opiniojn kaj informojn de samcelantoj. Li krome deziras korespondi kun samideanoj pri nekuirita manĝaĵo kaj pri tiuj nutraĵoj, kiuj ĉefe enhavas ritmon (laŭ libro „Teozofio kaj nova psikologio" de Annie Besant, kiu klarigas, ke la materio havas tri ĉefajn ecojn: inercio, movemo kaj ritmo.)

**Hotelo Pomona,** Molenstraat 53, Hago, Nederlando, estas nepre rekomendinda kiel unuaklasa vegetara hotelo kun ĉiuj modernaj komfortinstaloj.

**I. G. Grafov,** Stancija Voznesenskaja, Kubansk Obl., Kaŭkazo, Rusujo, deziras aliĝi kune kun sam-

ideano Smirnov en Nalĉik al vegetarana terkultura kolonio kaj petas informojn de samideanoj pri tio ĉi. Monhelpo por la vojaĝo aŭ senkosta vojaĝo estus necesa. Li deziras informon ankaŭ pri la ebleco de transmigro al insuloj Samoa aŭ Taiti.

**Represo** de ĉiuj niaj artikoloj estas permesata; sed oni indiku la Vegetaranon kiel fonton. Tradukoj el nia bulteno por naciaj revuoj estas dezirindaj.

**Walter A. Donner,** 1439 East 65th Street, Cleveland, Ohio, Usono, deziras korespondadon. Ni atentigas pri tio, ke „Vegetarano" ne estas anoncilo por ĝeneralaj korespondaddeziroj. Nur, kiam temas pri niaj specialaj aferoj, ni volonte servas.

**Scienza ed Arte** (Scienco kaj Arto). Kiel vi vidas, nia bulteno ne enhavas reklamanoncojn. Ni dankas pro via anonco pri nia entrepreno, kaj en niaj recenzoj vi trovos citojn pri viaj eldonajoj.

**H. S. en Laihia.** Pro la senĉesaj ŝanĝoj en la labortarifoj kaj en la monvaloro, estas tute neeble ricevi ofertojn kun firmaj prezoj de presotaj broŝuroj. Ankaŭ nia bulteno estas ĉiam presata sen antaŭa prezfikso; estas afero de konfido al la liveranto.

**Koncentrigo de la Fortoj.** Rilate je la artikolo en nia lasta numero pri tiu ĉi temo la redaktanto ricevis simpatian leteron de kunredaktanto de „Novaj Tempoj", en kiu estas esprimita konsento kun tiu artikolo kaj la opinio, ke la alvoko por koncentrigo de la fortoj ne celis malutili al serioze bazitaj fakaj gazetoj tiaj, kia la Vegetarano.

---

### Kvitancoj.

Estono Sobreca Movado, Hacker, Sunia, Andova, Vahtkerl po Emk. 50.—, Trejvas Lid. 1.50, Obulskis Lid 1.50, Paul Kr. aŭstr. 5000.—, Strausz gM 400.—, Kuśnir gM 10000.—, Suard ffr. 8.—, Parker $ 8.—, Kotelevejev gM 500, Karmiol gM 500, Menschick gM 400.—, ge-Blaise $ 4.—, Jones 4.—, Lidiard $ 4.—, Warden $ 4.—,Bartholomew $ 4.—, Moscheles $ 4.—, Hudson $ 4.—, Köcher gM 500.—, Langhans gM 10000.—, Sindhwad gM 400.—, Societo Laboro pM 1000.—, Arriens nfl. 2.—, Saecker gM 500.—, Bogdanowicz pM 2000.—, Schiött dkr. 3.50, Karlstén sv. kr. 4.42, Göransson sv. kr. 3.50.

---

### Dekkvina Universala Kongreso de Esperanto.

Nurnbergo (Germanujo), 2—8. VIII. 1923.

Nian bultenon akompanas aliĝilo por la kongreso. La kotizoj sur ĝi suferis ŝanĝojn por kelkaj mizervalutaj landoj; ili estas: por aŭstroj, germanoj, hungaroj, poloj kaj rusoj 3000 germanaj markoj, por bulgaroj 60 levoj, por rumanoj 60 leoj, por estonanoj 150 estonmarkoj, por jugoslavoj 50 dinaroj, por latvoj 150 latvaj rubloj, por litovoj 10 lidoj.

Vegetaranoj bonvolu tute klare esprimi sian vegetarecon sur la aliĝilo. La kongresa komitato konfirmis, ke estos aranĝata f a k k u n s i d o  d e  l a  v e g e t a r a n o j. Ĝi estos aranĝata en la nomo de nia Vegetara Ligo Esperantista, kaj deziroj, proponoj, demandoj tiurilataj estu adresataj al la redaktanto de nia bulteno.

Laŭ dekreto de la distrikta polico la kongresa karto havigas la permeson de trisemajna restado en tuta Bavarujo. La eksterlandanoj ricevos rabaton de proksimume tri kvaronoj de la oficiala imposto.

La kongresa teatraĵo estos „Natano la Saĝulo" de G. E. Lessing, tradukinto Karlo Minor. Tiu ĉi grava verko portas en si ideon similan al la homaranismo kaj estas pro tio speciale taŭga por nia paca jarfesto.

Jenaj fakkunsidoj estas, krom nia, jam publikigitaj:

Internacia Ligo de Liberpensuloj kaj Monistoj, adreso Kurt Hubricht, Lipsio-Neustadt, Mariannenstrasze 30, III., Germanujo.

Teozofia Esperanta Ligo, adreso Maria van Rees, Chalet Bertha, Wilderswil, Svisujo.

Kristana Esperantista Ligo, adreso Paul Hübner, Quedlinburg, Bergstr. 1a, Germanujo.

Asocio de Junaj Germanaj Esperantistoj, adr.Erich Habellok, Breslau, Schleiermacherstr. 19, Germanujo.

Homarana Societo „Konkordo", adr. Edv.Wiesenfeld, Biala 3, Varsovio, Polujo.

Aŭstruja Esperanto-Delegitaro, adr. Centra Oficejo, Vieno VI, Mollardgasse 55, Aŭstrujo.,

Psikistoj: adreso Dir. L. Gube, Berlino-Friedenau, Fregestr. 26, Germanujo.

Por Studado de Naciaj Lingvoj: adr. Johann Jungfer, Lübben, N. L. (Malsupra Luzacio), Lindenstrasze 10, Germanujo.

Aliajn detalojn pri la kongreso oni eksciu el la ĝeneralaj Esperantaj gazetoj. Nia faka kunsido de VLE estos bone preparita, kaj se por la programo ekzistas specialaj deziroj, oni bonvolu sciigi ilin al la redaktanto, por ke li povu meti ĉion taŭgan en la tagordon. La redaktanto esperas, ankaŭ raporti pri la stokholma vegetara kongreso.

Por vegetaranoj ekzistas en Nurnbergo tri specialaj manĝejoj:

Manĝejo Jungbrunnen, Vordere Sterngasse, 1½ minutojn de la kongresejo.

Manĝejo Elysium de E. Hannberger, Burgstr. 13, dudekkvin minutojn de la kongresejo (Kulturverein), tute apud la fundamento de la kastelo.

Manĝejo A. Angermaier, Kaiserstr. 6, dekkvin minutojn de la kongresejo.

Advokato D-ro Kroher, prezidanto de la Nurnberga Vegetara Unuiĝo, doninto de la informo pri la manĝejoj, volonte aranĝos kunestadon kun la lokaj vegetaranoj, se la ĝeneralaj kongresaranĝoj tion permesos.

---

### Grandioza Manifestado por la Paco.

La krio de la virinoj, suferantaj pro la reganta maljusteco, trovis resonon en la koroj de la nederlanda popolo. La 11an de aprilo kunvenis proks. dumil-Haganoj, por aŭskulti diversajn parolantojn. Oni invitis eminentan katolikan monaĥon, patron Borromeus de Greeve, egale eminentan superrabenon J. Tal (ankaŭ esperantisto), tre bone konatan protestantan pastron v. d. Bosch, socialistan aninon de la parlamento Suze Groeneweg kaj min por paroli pri Esperanto kiel pacigilo. Evidentiĝis tuj, ke la luita salono estis multe tro malgranda por ĉiuj interesuloj, tiel ke la komitato devis lui preĝejon en la proksimeco, kie ni parolis duan fojon. Ankaŭ tiu ejo estis plenplena.

Kvankam la grandega aro da homoj venis por aŭskulti la nomitajn eminentulojn, kiuj arde kaj entuziasme parolis pri la tasko de la virinoj por la paco, mi estis feliĉa, havante okazon, por atesti pri la etika flanko de Esperanto, pri la nobleco de ĝia kreinto, D-ro Zamenhof, kiu laboris dum sia tuta vivo por la interfratiĝo de la homaro.

Viroj kaj virinoj! La krioj de la nederlandaj virinoj aŭdiĝos ankaŭ ekster la limoj. Aŭskultu kaj kunlaboru! Ni ne havas difinitan planon; ni estas tute neŭtralaj; ni nur volas influi la publikan opinion, por akceli la pacon. Ni bezonas milojn da aprobantoj. Tuj sendu vian nomon al

Julia Isbrücker,
van Bevernigkstr. 10, Hago, Nederlando.

---

**Vegetarismo kaj Esperantismo.**

Lastmomente ricevita informo pri la Dua Kongreso de la Bulgaraj Vegetaranoj Loĝantaj en Germanujo, kiu okazis de la 8. ĝis 10. aprilo 1923 en Dresdeno. Ĉeestis 50 vegetaranoj, plej multe bulgaraj gestudentoj, unu rusino kaj tri germanoj.

S-ro kand. med. Minko Dobrev malfermis la kongreson kun kelkaj vortoj memorige al la pasintjara kongreso en Halle a. S. kaj tralegis la salutojn de diversaj samcelanoj. Li transdonis la parolon al s-ro I. H. Krestanoff, kiu bonvenigis la kongresanojn kiel Dresdenano kaj transdonis la salutojn de s-ro Bünemann, redaktanto de la „Vegetarano" kaj de la Esperantistaj Vegetaranoj, atentigante pri la proksimeco de Vegetarismo kaj Esperantismo. La programo estis brile plenumata, kaj la tritaga kongreseto estis kvazaŭ malgranda universitato, kie estis farataj interesplenaj referatoj kaj amikaj veramaj diskutoj. La vivĝojaj vizaĝoj de la ĉeestantoj estis plej elokventaj pruvoj pri la neneceso de besta nutraĵo.

1) S-ro Minko Dobrev mem prelegis pri la temo „Eltenemo kaj Vegetarismo": La demando „kiel kaj per kio ni devas nutriĝi", ne povas kaj ne devas plu ripozi sur la rutino, tradicio, imito aŭ sur la kripligitaj niaj gustaj deziroj. La problemo de la nutrado estas porviva problemo. Estas pruvite, ke ni ne bezonas albumenan nutraĵon ĉe laboro, sed la bezonan por la okazo energion nia organismo ĉerpas el la karbohidratoj. Tiuj ĉi estas la ĉefa konsistparto de la vegetara nutraĵo. La viando kaj ĝiaj produktoj enhavas aŭ neniom aŭ tre malmulte de la tiel necesaj por niaj vivfunkcioj karbohidratoj. Krom tio la viando estas, kiel montras la kompare-anatomiaj esploroj, nenatura, malutila nutraĵo por homo. Ĝi nepre kondukas al memeveneniĝo. La kreskaĵa nutraĵo donas al ni abunde ĉion, kion bezonas nia organismo. Hodiaŭ ne estas plu serioza scienculo, kiu kuraĝus diri, ke la kontentiĝo per kreskaĵa nutraĵo estas nesaniga aŭ nesufiĉa por homo. La eksperimentoj de Prof. Irving Fisher montris okulfrapante, ke la eltenemo de la vegetaranoj meze estas duoble tiom granda kiom tiu de ekzercintaj viandmanĝantoj. Pruvo: la malaltaj klasoj en Japanujo kaj vetkuradoj en Germanujo gajnitaj depost 1902 de vegetaranoj.

2) S-ro St. Lepavcov prelegis pri „Renovigo per Paciĝo". Post mallonga aludo al la nuna formo de vivado kaj la stato de la societaj movadoj li pasis al formuligo de la enhavo, kiun ni devas doni al nia persona kaj societa agado. Li kritikis la hodiaŭan lukton gvidatan de la plimulto, kie estas postulate, ke unu malbono estu anstataŭigata de alia, unu potenco de alia, unu perforto de alia perforto, kaj kiel la memtrompo estas montrata kiel vojmontra stelo al brila estonteco. Li insistis pri la sobra konscienco de la malplimulto, predikante, ke por la renovigo de la vivo ekzistas nur unu vojo, la vojo de la paciĝo. Nur per mondrigardo, kiu per la amo nedisigeble ligas la homan vivon kun ĉiu elmontro de vivo, estos enportata paciĝo kaj renoviĝo en la vivon. En la simpliĝo de la vivo estas la vojo de la liberiĝo. Nia fizika vivo bezonas nur panon, akvon, sunon kaj aeron. Kiel estontan formon de la nova evoluo li montras la kreon de liberaj laboraj komunumoj. La kondiĉo estas nur, unue unuigi la penson kun la ago, kuraĝiĝi nin por la antaŭstaranta laboro kaj serĉi kunlaborantojn en ĝi.

3) S-ro Ivan h. Krestanoff paroladis pri „Lingvo kaj Ideo" kaj interalie informis pri la evoluo de la internacilingva problemo, insistante pri la „interna ideo" de Esperanto, pri Esperantismo kaj Homaranismo. La lingvo Esperanto estas nur rimedo, ekstera vesto, kaj sen la celo: penetriĝi la bonajn ideojn de amo, frateco kaj paco, kaj homiĝi la dupiedulojn, ĝi estas nenio. Kortuŝe li rakontis pri la vivo de Zamenhof, kies memoro estis honorata per leviĝo. Fine estis unuanime akceptata la jena rezolucio tralegota dum la Kvina Internacia Vegetarana Kongreso en Stokholmo:

„La kongreso de la bulgaraj vegetaranoj loĝantaj en Germanujo, okazinta la 8.—10. aprilo 1923 en Dresdeno, rekomendas al siaj anoj la internacian lingvon Esperanto kiel plej potencan rimedon por la disvastigo de iliaj ideoj kaj por atingo de la celo, la kreo de la multdezirata NOVA SOCIO sur la bazo de amo, frateco kaj paco de la homoj." Ĉiuj konvinkiĝis ke Esperanto fariĝos la lingvo de la vegetaranoj.

S-ro Magnus Schwantje, prezidanto de la Ligo por Radikala Etiko en Berlino, rakontis siajn impresojn pri Bulgarujo, kie estas pli multe da vegetaranoj ol en Germanujo, kaj ĝin nomis „fabela lando", al kiu li antaŭdiras grandan estontecon en la spirita movado.

4) S-ro Konst. Kusitasev paroladis pri „Alkoholismo kaj ĝia influo sur la individuo kaj la socio, ĝiaj kaŭzoj kaj la batalado kontraŭ ĝi." La fiziologiaj eksperimentoj de multaj scienculoj pruvis lastfoje, ke la alkoholo praktike neniam povos ludi la rolon de nutraĵo en nia organismo. Ĝi estas veneno kaj tial malhelpas la normalan funkcion de la organismo, kaŭzante gravajn malsanojn en multaj organoj, precipe en la cerbo, kaj malgrandigas ĝian naturan reziston kontraŭ aliaj malsanoj. Ĝi estas unu el la ĉefkaŭzoj por la ĝenerala degenerado. Mil esploroj, kiel tiuj de Bezzola, Demine, Bunge kaj Laitinen, pruvas tion. Erariĝo estas, ke la alkoholo nutras, varmigas, gajigas, instigas al kreagado k. t. p. La batalo devas esti farata en du direktoj: altigi la konscion de la popolamasoj kaj forigi la nuntempajn sociajn kondiĉojn.

5) Parolado de s-ro Dobrev: „Ĝeneralaj pensoj pri la vegetarismo". Ni ĉeestas tutmondan elreliĝon el la ĝusta vojo de la vivo. La homaro iras al abismo. La formulo „homo homini lupus est" (la homo estas lupo kontraŭ homoj) signifas la finon de la vivo: La formulo „homo homini frater est" (la homo estas frato de la homoj) signifas renaskiĝon de la homaro. Modesta, sed radikala rimedo por la triumfiĝo de la vero estas la vegetarismo komprenata en ĝia ampleksa, plena senco. Ĝi puŝas la homon certe al korpa fortiĝo kaj al spirita morala reedukiĝo.

Verdstelulo.

---

Presejo: Schultz & Thiele, Hamburg (Germanujo), Brauerstr. 45.